**Ĉefredaktoroj:**

***Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay***

**Redaktoroj:**

***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), M. Beraru (Bucuresti), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), T. Cart (Paris), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), R. Eichenbaums (Jelgava), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Petro Firu (Bucurest), T. Morariu (Cluj), L. E. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), H. Seppik (Tallinn), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), Leono Zamenhof, Felikso Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa), Zahari Zahariev (Sofia).*

**Redakcio kaj administracio: Kolomano Kalocsay, Budapest, VIII. Szentkirályi-u. 3. I**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.



La julia numero de nia gazeto aperos la 29-an de la monato

# THÉOPHILE CART MORTIS!



En la okuloj tremas funebra larmobrilo :
La Prezidanto mortis ! La verda karavan'
Jam restis sen gvidanto ! La Granda Veteran'
Foriris, por eterne ripozi en trankvilo.

Ne movos sin senlace, ne signos por konsilo,
Ne levos sin averte la senripoza man',
Nek helpos plu fervore en ĉiu bona plan'.
Profundan sulkon fosis, jam kuŝas la Fosilo.

Konfuze kaj senhelpe ni ĝemas sub ĉi plago.
Sed por animoj grandaj la mort' ne estas fin' !
Li pasis, ve, li pasis, sed restis lia Ago !

Super la tombo ŝvebas, kaj plue gvidos nin
Du praaj malamikoj, kiujn sub verda flago
Mirakle li pacigis : Liber' kaj Disciplin' !

*K. Kalocsay*

*Prof. Cart mortis !* Li, kies tuta vivo, animo kaj koro estis ligita al nia lingvo, ne plu estas inter ni ! Nia dua patro, la granda defendinto kaj viviginto de la Zamenhofa Verko, foriris el niaj vicoj.

Ni apenaŭ konscias, kiun kaj kion ni perdas nun. De 1901, kiam li esperantistiĝis, li oferis senprofite sian tutan tempon, sian tutan ardon kaj pasion, ĉiun sian penson kaj ĉiun sian energion por nia afero. Zamenhof donis al ni multpromesan, sed malfortan semon, kaj Cart, la ĝardenisto, ĝin flegis, donante al ĝi ĉiun sian spiron, sian amon, sian koron. Zamenhof donis al ni lingvon, al Cart ni dankas ĝian konservon, kaj ĝian vivantigon.

Tuj de la komenco li vidis en la lingvo internacia pli socian, ol pure lingvan demandon. Senĉese, dum sia tuta vivo, en la plej danĝera epoko de nia historio same, kiel en trankvilaj tempoj li predikas tiun solan ĝuston kaj tiun solan veron.

Seninterrompe, jen per profundaj artikoloj, jen per ĉarmaj alegorioj kaj fabeloj li defendas nian lingvon ĉu kontraŭ la skismistoj, ĉu kontraŭ la novismoj, ĉu kontraŭ la ĝisostaj komplikistoj kaj teoriistoj.

Li inokulis al ni plenan respekton kaj amon al nia lingvo. Dank' al lia forta karaktero, neniama devojiĝo, Esperanto sukcesis eviti la rifojn kaj danĝerojn de vojoj eraraj kaj de minacanta morto.

Ne estas nun loko por paroli detale pri lia vivo kaj lia verko, pri liaj porblindulaj klopodoj, pri lia funkcio kiel prezidanto de la espista Akademio. Sed se ni havas hodiaŭ Esperanton tia, kia ĝi estas, se ĝi fariĝis, laŭ la vortoj de Hodler, vivanta lingvo de vivanta popolo — ĉi tion ni dankas al Cart.

La firma kaj bonanima Cart, kiu neniam uzis aliajn batalilojn, ol la lojalon kaj sinceron, kiu kun tiom da amo kaj pasio sin ĵetis en la brakojn de nia ideo, ne plu estas inter ni.

Lasinte al ni firman testamenton, laborante por ni ĝis sia lasta spiro, li forlasis nin subite, neatendite, lasante nin en profunda doloro, kun rompita koro.

En lia ĉirkaŭo neniu el ni estus povinta pensi pri tia subita forŝiro.

Ankoraŭ merkrede (la 20-an de Majo), li pasigis kun sia 6-jara nevino la tutan posttagmezon en la Kolonia Ekspozicio. Ravite, gaje kaj bonhumore li revenis hejmen. Vespere, ĝis la 11-a nokte, li laboris kaj ankoraŭ volis korekti la presprovaĵojn de la Bulteno de Espista Akademio. Sed tion lia edzino ne permesas. Li enlitiĝas. Matene je la 6-a li malfacile spiras, eniras sian laborĉambron. Sidiĝas en sia brakseĝo kaj — li mortas. Subite, dum momentoj. En nia granda doloro ni havas la solan konsolon, ke li mortis laŭdezire, subite, sendolore, en sia laborseĝo.

Via korpo forestas, kara amiko ! Sed viaj ideoj, via amo kaj spirito, eĉ, via sango bolas en nia lingvo, en ĝiaj multsignifaj esprimoj, en viaj-niaj alegorioj kaj sentencoj. En la proverboj, diroj kaj devizoj, kiujn vi postlasis al ni.

En tiu ĉi kruela momento de tiom forta bato ni promesas al vi, kara amiko, ke ni vartos viajn-niajn ideojn kaj sekvos vian vojon kaj insistan konsilon :

*Ni fosos nian sulkon !*

*S. Grenkamp*

Literatura Mondo, kies bonvola ŝatanto kaj helpanto estis la karmemora, kun profunda animskuo publikigas nekrologon en ĉi tiu paĝo, kie estus devinta aperi, pri ordo kaj libereco, lia propra artikolo, promesita de li por esti gvidartikolo de nia nuna numero. La artikolo restis en la plumo falinta el liaj manoj. Ni ne plu legos kun fila respekto la lakonajn konsilajn kaj avertajn poŝtkartojn kun la karakteriza skribo. Afliktite de la apenaŭ taksebla perdo, al ĉiuj liaj familianoj, konatoj kaj al lia pli vasta familio, al la esperantistaro, plej sincere kaj kun profunda doloro kondolencas :

*Literatura Mondo.*

# LA ARANEO

LIDJA ZAMENHOF

La ŝtupoj de la altaro estis kovritaj per rozoj.

Tuŝante per la frunto la tapiŝon, kovrantan la marmoron, pilgrimanto genuis ĉe la ŝtupoj.

Li venis el tre malproksime. Trans landoj kaj maroj gvidis lin la espero, ke tie, en la sankte-sankta templo, li retrovos la kredon, perditan ie en la mondo.

La sanktejo estis malplena. Ekstere svarmis homoj, kantis birdoj. Tien ĉi nur kolora sunradio penetris tra subarkaja fenestro.

La pilgrimanto estis sola. Nerigardata de scivolaj aŭ mokemaj okuloj, li, ĉiam tiel sinregema, batis per la frunto la ŝtupojn de la altaro, kaj lavante ilin per siaj larmoj, per la tuta koro vokis al Dio.

Li vokis pri signo, pri ia miraklo, kiu montrus al li, ke trans la nebulo de malproksimeco, trans la nuboj de necerteco brilas suno, kies radioj donas vivon al ĉio en la mondo.

Li esperis, ke ektremos la kolonoj, ke ekparolos la muroj de la sanktejo, ke okazos io supernatura, ke meze de la templo ĉefanĝeloj starigos ŝtuparon, por ke li supreniru la ĉielbluon.

Li batis per la frunto la ŝtupojn de la altaro. Lia buŝo silentis, sed la koro preĝis. Li atendis.

Nenio okazis. La dikaj muroj de la templo staris firme kiel antaŭe. La ĉiela koloro ne kovris ĝian arkaĵon.

Kaj tiel longe li ploris, ĝis li elploris ĉiujn larmojn, ĝis liaj okuloj fariĝis sekaj kaj la koro malplena. Trompis lin la esperoj. La nevidebla pordo restis, kiel estis, fermita por li. Kiel lampo, en kiu ekmankis oleo, la espero estingiĝadis en lia koro kaj ekregadis en ĝi morto.

Li levis la frunton de la ŝtupoj, kovritaj per rozoj. Kaj lia rigardo falis sur blankan araneeton, tiel malgrandan, ke ĝi ŝajnis nur polvero. Per senpensa movo de la fingro li forĵetis la araneon de la ŝtupo.

Sub la ekpuŝo, tiel senzorga, kaj tamen tiel fortega por ĝi, la araneo kuntiriĝis kaj eksimilis ankoraŭ pli al polvero. Ĝi eksvingis sin tra la spaco — kaj haltis. Ĝi haltis en la falo, kvazaŭ la leĝo de gravitacio neniiĝus subite por ĝi. Kaj jen, kvazaŭ spite al ĉiuj leĝoj de la naturo, ĝi komencis supreniĝadi. La pilgrimanto ekatentis, ekrigardis. Sed la aranea fadeneto estis tiel delikata, ke li ne povis ĝin ekvidi. Li vidis nur, kiel la blanka polvero — la araneo — revenis sian antaŭan lokon kaj rifuĝis inter la rozojn, kiuj kovris la ŝtupojn de la altaro.

Do ne malfermiĝis la ĉielo, nek la tero ektremis. Ne ekblovis trumpetoj, por atesti la ĉeeston de la Ĉiopova. Tamen la signo estis donita, kaj la pilgrimanto komprenis ĝin. Kaj li reiris en la vastan mondon trankviligita kaj fidanta, ke tiu, kiu trovos ankoraŭ en sia koro unu radieton de kredo, tiel delikatan kaj etan, kiel aranea fadeno, ne pereos en abismo, sed se eĉ ĉiuj potencoj de tiu ĉi mondo ekbatalus kontraŭ li, por puŝi lin malsupren, eĉ en la falo mem li haltos, kaj per tiu ĉi radio, kiel per la biblia ŝtuparo, eĉ el la abismo levos sin al la ĉielo.

---

# La letargio de l' zuavo

Raymond Schwartz



i sidis ĉirkaŭ trinkeja tablo. Honestaj temperamentoj, kiel tion atestis nombro de l' subteleretoj senhalte kreskanta, laŭ kiu la kelnero poste ciferigos nian kotizon. — La loko estis bonfame konata. Nenia soifo kapablus elĉerpi ĝiajn barelojn. Kaj la kvalito de ĝiaj fluidaĵoj meritis laŭdon. Krome — kaj tio dum nia jazbanda karuselepoko ne ŝajnas tro taksebla — tiu honorinda trinkbutiko ne havis orkestron.

Mi estu rostata kiel vulgara haringo, se mi malbenos la muzikarton. Sed en trinkejo, kie homo kun bona reputacio neniam sidas sola, en trinkejo, meze de amika rondo ŝprucu pensoj kaj sonore envortiĝu eĉ intimaj konsideroj. Fajre flagru la parolo dum klingebrua skermo de l' ideoj. Tie muziko ĝenus. — Je via sano!

Akre ni diskutis tiun tagon p·i misteraj fortoj de l' spirita mondo. Akre, sed kiel diletantoj. Kaj, kiel ĝenerale inter nefakuloj, tre ofte revenis vortoj teknikaj: hipnoto, — mediumo, — eĉ ektoplasmo, — kiujn precize difini certe neniu el ni scipovis. Apoge je iu mirrakonto pri »aŭtentika« fenomeno oni citis Flammarion kun Conan Doyle kaj aliajn aŭtoritatojn. Kaj sinsekvis pri fantomaj noktoj raportoj post raportoj, kiuj alportis nenian solvon, sed lasis nin dolore ŝvebantaj super oscedanta abismo de l' eterna mistero. Iom post iom invadis nian dubantan animon funebra noto, tima sento antaŭ la granda demandopunkto, kiujn forblovi sukcesis nek plej densa fumnubo el niaj viraj pipoj, nek malkara rikanado afektanta superan pliscion.

Tiam Dubois, nia simpatia amiko, forviŝis unu larmon kaj malfermis la buŝon. Ĉi tiun fojon por paroli.

»Ĝi estas la plej malagrabla rememoraĵo el mia vivo,« li komencis, kaj ni havis la impreson, ke li parolas ne volontvole sed kvazaŭ sub premo de l' atmosfero, kiun kreis nia ĵusa diskutado. Ni tre nete sentis, ke tiu homo kaŝas en sia plejprofundo. Ni tre nete sentis, ke tiu homo kaŝas en sia plejprofundo ian sekreton, kiun nun, malgraŭ si, li liveros al ni.

»La afero komenciĝis per ŝerco, banala ŝerco en kazerna ĉambro. Sed kiel vi vidos, la konsekvencoj estis teruraj, katastrofaj.

Tio okazis en la jaro 1916, dum septembro. Post pli ol unujara militado sur diversaj punktoj de l' batalfronto, kie mi akiris modeste nur la galonon de kaporalo, oni delegis min al Fontainebleau, kie mi sekvu kurson por fariĝi oficiraspiranto. En Fontainebleau, afabla urbo, kiun cetere vi konas, malproksime de l' batalbruo, nin reprenis la ĉarmo de l' vivo. Jam la unuan semajnon mi havis okazon konatiĝi kun aminda, belega knabino. Dank' al ŝi mi pasigis en Fontainebleau la plej ravajn horojn el mia vivo. Kaj se vi bonvolas memori, kiom sobre mi ĝenerale dozas

mian admiron, vi facile konkludos el tiu sincera superlativo, kion por mi signifis tiu ĉarma knabino.

Bedaŭrinde, mi ne povis ŝin vidi sufiĉe ofte, ĉar severa disciplino nin tenis de l' frua mateno preskaŭ senpaŭze ĝis la signalo de l' enlitiĝo. Nur dimanĉe mi povis dediĉi la posttagmezon al mia feino. Tamen, ankaŭ en niaj barakoj ni pasigis tre agrablajn vesperhorojn. Ĉiuj ni estis junaj kaj rapide amikiĝis. Ĉiuj kamaradoj sin montris tre simpatiaj. Ĉiuj, — krom unu.

Tiu unu nomiĝis Jules Lambecq. Li estis viro pli maljuna ol ni. Pli serioza. Preskaŭ funebra. Unu el tiuj homoj, de kiuj vi instinkte fortenas vin. Liaj malgajaj okuloj kuŝis en profundaj kavoj, en ombro de tro densaj brovoj. Fuĝemajn okulojn li havis, kiuj evitis rektan rigardon. Sed, kiam hazarde vi kaptis ilin, vi sentis kvazaŭ magnetan fluon, elektran tremeton tra via korpo. Entute, malagrabla kunulo, kiun ni kaŝe kromnomis »la hipnotisto«.

Iun vesperon li aŭdis tiun kromnomon. Li ridetis mistere kaj diris nur :

»Vi estas pravaj. Mi multe okupiĝis pri hipnoto kaj eĉ atingis kelkajn rezultatojn.«

»Ĉu eble ?« mia bona amiko, Jean Bonnet, scivole interesiĝis. Kaj pli ol kutime Lambecq, la hipnotisto, fariĝis komunikiĝema.

»Se vi volas, ni faros eksperimenton. Ĉu, ekzemple, vi konas iun en la najbara barako ?«

Jean Bonnet, kiun ni simple nomis la zuavo, ĉar li venis el zuava regimento, tuj proponis :

»Jes, tie estas mia samurbano Pipollet.«

»Bone,« Lambecq parolis ceremonie, — »mi petas silenton por kelkaj minutoj.« Kaj flustre li maĉis la sekvantajn vortojn dum li apogis sian pintan mentonon sur la dorsflankon de l' manoj kunplektitaj : »Pipollet, aŭskultu min ! Mi volas, ke vi aŭskultu. Pipollet, venu tuj ĉi tien ! Tuj. Nu, venu ! Unu, du,.. tri !«

Ni streĉe atentis. La zuavo kaŝis en sian barbon — (li portis la klasikan barbon de l' antikvaj zuavoj) — malican rideton. — »Pipollet, venu !« vibris tra preskaŭ preĝeja silento la ordono de Lambecq.

Ni atendis longe. Sed vane. Pipollet ne povis veni, ĉar — kiel la zuavo klarigis poste — li tiun vesperon havis forpermeson kaj je tiu horo ebriiĝis en la urbo. La ridantoj kompreneble estis ĉiuj kun la zuavo, dum Lambecq, sentante la mokon, enlitiĝis senvorte.

La sekvintan tagon la zuavo konfidencis al mi :

»Ĉu vi kredas je la magiaj fortoj de tiu fuŝulo ? Kia infanaĵo, ĉu ne ? — Sed ni kunhelpu al la farso. Hieraŭ mi ĉikanis lin, hodiaŭ mi akcelos. Mi aranĝos la aferon kun la dika serĝento el la apuda barako.«

Tiel okazis, ke la vesperon ni petis Lambecq, ke li bonvolu reprovi eksperimenton. Komence li rifuzis, sed vidante nian sinceran sciavidon, li fine konsentis, des pli, ke la mokema zuavo hodiaŭ neniel intermiksiĝis.

»Nu,« diris Lambecq, »proponu iun el alia barako, sed iun, kiu efektive troviĝas tie.«

»La dikan serĝenton !« mi tuj menciis, »mi estas certa, ke li ne foriris, ĉar ĵus mi ankoraŭ vidis lin.«

»Bone,« Lambecq akceptis, »kiel li nomiĝas ?«

»Tion mi ne scias. Oni ĉiam diras »la dika serĝento.«



F. Medgyessy *Arto*

# POEMOJ

— ALFRED SCHAUHUBER —

## Tri Sapfaj Odoj

*dirataj sub la argenta luno*

I.

Malhelblua nokto melankolias...
Songâs konko de dezertega lago...
Plena luno brile fluas en ĝin nun
kvazaŭ larmego.

Lace delikata zefiro blovas
bonodoron preman de strangaj floroj
trans la vastaj akvoj. Enflirtas lunon
noktpapilio.

Mi ekkantas. Kanto soleca mia
sonas malĝojege kaj senespere,
flirtas for, velurpapilio, lunon
lace... solece...

II.

Luno sur la monteto kaŭras ronde.
Turmentitan alkrucigitan korpon
tre humile per arĝento konture
ĝi nun ekpentras.

Trankvileco sonoras pi-ekstaze...
El arĝentlunpelvo defluas Dio
de monteto. Dolĉa, bona, pacama
Dio verŝiĝas.

Konfuzita mi staras kaj naiva.
Longan tempon miras mi pri la brilo..
Ebriigas nokto tia de paco,
paco arĝenta.

III.

Dolĉa nokto arĝentas, oras vino.
Levu glason, edzino! Ĝia vango
rondan vangon de mia glaso tuŝu! — :
Ambaŭ ekridu!

Vian nigran hararon luno pudras
nun per polvo arĝenta. Ŝajnas garni
maljunaĝo jam vian ĉarman kapon,
kara edzino.

Mensogulo, vi luno, mensogulo!
Por ni oras ankoraŭ la juneco:
floras, oras, odoras kiel vino
en la pokaloj.

## Vespera soneto

Vespero sangon ĵus de sia koro
en lagon verŝis. Mildas la silento...
En arbustaĵo dormas dolĉa vento...
Sin donas al migranto tia horo.

Pejzaĝo iĝas pia molsonoro,
ĉar preĝas en krepuska sentimento
la sonorilo... Jen, la strat-serpento
kaŝiĝas tute en arbar-angoro.

La solmigranto iras tra l' arbaro,
tra herbejverdaj tagoj, ŝipveturas
medite tra la furioza maro — :
denove uraganoj lin teruras.

Fenestro brilas nun — : patrin-okulo.
Lipsulkoj formas nomon de l' solulo.

---

»Nu, se vi volas,« kaj Lambecq daŭrigis: »Mi petas silenton. Dika serĝento, aŭskultu min! Mi volas, ke vi aŭskultu! Dika serĝento, venu ĉi tien. Tuj. Mi ordonas. Unu, du...«

Kaj jen, proprakorpe la dika serĝento envenis. (Estas vere, ke laŭ antaŭa interkonsento kun la zuavo li estis atendinta la signalon ĉe la pordo.) Ĉiuj, kiuj nenion sciis pri la antaŭaranĝo, ekmiris kaj longe forgesis refermi la buŝojn. Pleje, verŝajne, miris Lambecq pri sia sukceso. Kaj unu el ni naive demandis:

»He serĝento, kion vi serĉas en nia barako?«

Kaj la dika serĝento laŭ sia rolo konfesis:

»Kion mi serĉas? — Fakte, mi ne scias. Subite mi havis la ideon veni ĉi tien. Sed, verdire, mi venis sencele kaj mi nun eĉ demandas min, kion mi faras ĉi tie.«

Tiam Lambecq diskrete triumfis. Tra la profundaj sulkoj de lia »hipnotista« masko glitis memcerta rideto kaj lia aŭreolo glore briletis. — Ankaŭ la zuavo estis kontenta. Lia enscenigo sukcesegis.

Kompreneble la zuavo denun reeldonis sian ŝercon preskaŭ ĉiuvespere. Ĉiuvespere Lambecq, la mistera, laŭ niaj petoj venigis iun kamaradon el diversaj, eĉ el tre malproksimaj barakoj. Neniam iu, nek li, nek la aliaj, krom la aktivaj aktoroj, suspektis la mistifikon.

Kial, unu tagon post laciga ekzercado sur manovrokampo, la zuavo provokis?

»He Lambecq, ĉu vi ne povus nun dormigi min dum kelkaj minutoj kaj sugestii al mi, ke mi ne plu estas laca?«

Lambecq hezitis la respondon. Verŝajne li sin demandis, ĉu en tiu invito de l' zuavo ne embuskas nova moko. Dum unu momento iliaj rigardoj sin reciproke penetris. Kaj Lambecq superece konsentis:

»Laŭ via plaĉo. — Rigardu vian liton. Ĉu vi ne opinias, ke estus bone kuŝiĝi iomete? Dormi nur kvin minutojn? Forigi el viaj rompitaj membroj tiun pezon, tiun malagrablan rigidecon?«

La zuavo efektive, turnante nun la dorson al Lambecq, alridetis sian liton kun stranga brilo en siaj okuloj. Sed ankoraŭ li staris samloke, senmove, kvazaŭ alnajlita al la planko. Tiam Lambecq, kies tuta volpovo ardis el la okulkavoj sub la tro densaj brovoj, fikse rigardis la nukon de l' zuavo.

»Jes,« li siblis, dolĉe, loge, »jes, mi scias, vi nun deziregas dormi. Dormegi. Nur kvin minutojn. Tuj. Tuj vi iros. Kiam mi diros tri. Estos bone. Ripozi. Do, iru! Unu, — du — ..«

La zuavo alproksimiĝis al sia lito per aŭtomate mezuritaj paŝoj, tiel perfekte, ke mi dubis, ĉu li rolas aŭ ne. Kaj kiam Lambecq trenis insiste la voĉon tra tiu triiii... la zuavo kuŝiĝis kaj ekdormis. Regultakte, peze li spiris.

Nun Lambecq staris apud li. Li eltiris el la poŝo

sian horloĝon kaj de tempo al tempo li malrapide parolis :

»Kia volupto ! — Kia bonega ripozo ! Ĉia laceco forlasas vin. Vi estas freŝa. — Novaj fortoj fluas tra viaj vejnoj. — Tiu dormo vin renovigis. — Nenia laceco !«

Li formetis sian horloĝon.

»Sufiĉe. — Vi sufiĉe dormis. — Nun vekiĝu!«

La zuavo ne moviĝis.

»Bonnet, vekiĝu ! — Mi ordonas, ke vi revenu al la vivo. Malfermu la okulojn ! Unu, — du, — triiii....«

La zuavo ne moviĝis. Li daŭrigis sian profundan dormon. Neniu trajto de l' vizaĝo, kiun mi akre observis, perfidis rideton. Ĉu li ŝercis aŭ ne ? Mi havis timan antaŭsenton.

Lambecq provis plurfoje per hipnotaj formuloj liberigi nian amikon. Sed vane. Fine li ne plu povis kaŝi certan nervozecon : »Nekompreneble ! Neniam io simila okazis al mi. — Ĉu Bonnet ne havis sanan koron ? — Verŝajne estas letargio. — Bonnet, vekiĝu. Mi volas !« ... Vane.

Kelkaj el ni sin preparis por skui la zuavon, sed Lambecq tion malpermesis, pretekstante, ke perforta veko havus plej gravajn konsekvencojn. — Senhelpe ni staris ĉiuj ĉirkaŭ la dormanto. Dezirante ekscii la finan vorton mi ekgenuis apud Bonnet kaj flustris en lian orelon, tiel ke nur li povis aŭdi :

»He, Joĉjo, se estas farso, sciigu al mi per eta movo de via dekstra piedo.«

La dekstra piedo ne moviĝis.

Pli kaj pli ni timis. La afero estis serioza. Mallaŭte ni parolis inter ni, petante konsilojn de Lambecq, kiu — bedaŭrinde — estis senkonsila pli ol ni.

»Kion mi pleje timas,« diris la hipnotisto, »estas, ke li ne plu vekiĝos. Car ekdorminte sub mia voloforto, li ne povos vekiĝi per si mem.«

»Do provu almenaŭ lin revoki,« ni insistis, kompatante nian dormantan zuavon. Kaj mi devas diri, ke Lambecq plurfoje aplikis sian tutan arton, jen flate-invite, jen ordone-komande. Sensukcese.

Jam de longe la trumpetsignalo estis anoncinta la horon de l' lumestingo kaj enlitiĝo, — sed senmove ni staris ankoraŭ ĉiuj ĉirkaŭ nia zuavo, kiu, malgraŭ ĉiaj sugestiprovoj de Lambecq kaj malgraŭ miaj amike flustritaj paroloj, daŭrigis sian definitivan, fatalan dormon. Ni malesperis trovi solvon.

Tiam subite la pordo de nia barako malfermiĝis kaj enmarŝis nia kapitano, Marbache, la plej severa kaj malbona estro, kiun ni iam havis. Ekvidante lin unua, mi tuj ekkriis laŭ la regularo :

»A vos rangs, — fixe !« *)

Ĉiuj staris senmove, la manoj premitaj kontraŭ la pantalono, kaj fikse rigardis la kapitanon.

Ĉi tiu sin turnis al mi :

»Kion tio signifas ? Oni ŝajne bone amuziĝas ĉi tie. Kial vi ne ankoraŭ enlitiĝis ? Ĉu vi ne aŭdis la signalon ?«

Kaj mi devis respondi : »Pardonu, sinjor' kapitano, sed ni okupiĝis pri la zuavo Bonnet, kiu falis en letargion...«

»Kion vi rakontaĉas ? — Vi ŝajne mokas min, he kreteno ! — Vi pripensos tion en la karcero !«

Nur nun, efektive, mi rimarkis, ke la zuavo Bonnet staris en la vico, je sia loko, kiel la aliaj, respektrigida.

*) Al viaj lokoj, — staru senmove !



F. Medgyessy *Etnografio*

Kaj restas fakto, ke mi tiuokaze rikoltis 8 tagojn da nigra karcero. Jen !«

Ĉirkaŭ nia trinkeja tablo oni ridis kaj diversmaniere komentis la misaventuron de nia amiko Dubois. Sed al ĉiuj la mistero ŝajnis facile klarigebla. Tiu zuavo Bonnet komence intencis verŝajne nur simplan mistifikon kaj troviĝante sur sia lito, post lacigaj manovrekzercoj li malgraŭvole endormiĝis. Li vekiĝis nur kiam, — pro subita eniro de l' kapitano, — fariĝis en la barako alarmanta bruo.

»Sed,« iu el ni nun rimarkigis al Dubois, »vi enkonduke parolis pri teruraj konsekvencoj. Ni ĵus konstatis, ke via rakonto entute finiĝas kiel amerika filmo, kontentigante ĉiujn.«

»Jes,« Dubois koncedis, »jes, — sed vi ne imagis la finon. Mi ne ankoraŭ ĉion diris. Aŭskultu kaj vi tuj komprenos. — Do, ĉar mi devis tiam pasigi ok tagojn en la »ombro«, mi kompreneble ne povis la sekvintan dimanĉon ĉeesti la sopiritan rendevuon kun mia belulino. Tiu fakto min dolorigis pli ol la karcerpajlo kaj mi petis helpon de mia amiko, la zuavo Bonnet :

»Vi estas kulpa pri tiu tuta mizero,« mi diris, »do vi ne rifuzos al mi malgrandan servon. Iru dimanĉon al la rendevuo anstataŭ mi, kaj senkulpigu min. Diru al la ĉarma infanino, kiom mi suferas, sed ke pro disciplinaj kialoj mi ne povos esti apud ŝi kaj tiel plu.«

La zuavo iris. Kaj tiel bone li anstataŭis min, ke poste mi neniam plu ion aŭdis de mia feino. Mi ne bezonas aldoni, ke denun ankaŭ la zuavo, ĝis tiam por mi frata kunulo, laŭeble evitis min.

Tiel, per unu bato mi perdis amatinon kaj amikon. Fontainebleau estis sen ĝojo... »kaj Dubois aldonis, verŝajne por ekskuzi sian emocion,« ... tiuepoke mi estis juna...«

Ni komprenis. Ekzistas sentimentoj, kiujn oni devas respekti. Kaj sekvis ĝena silento, duonsincera paŭzo. Kion diri ?

Tiam Dubois denove malfermis la buŝon. Ĉi tiun fojon por trinki.

# El la sonetoj de Shakespeare

— K. Kalocsay —

LXXIII.

Vi vidas en mi tempon de la jaro,
Kiam velkflava, aŭ jam senfolia
Skuiĝas en la vento la branĉaro,
Ĥorej' ruina, iam birdaria.
Vi vidas en mi tagon, kiu palas
Post sunsubiro en la okcidento,
Pli kaj pli nigra nokto sur ĝin falas :
Duona mort', sigel' de tombsilento.
Vi vidas fajron, kiu agonie
Sub la cindrar' de sia juno dronis,
Elspiras ĝi sur mortolito, kie
Ĝin konsumadas, kio nutron donis.
Ho, vidu min, kaj kreskos via am'
Al tiu, kiu baldaŭ pasos jam.

LXXV.

Vi estas al mi, kiel nutr' al korpo,
Aŭ dolĉaspica pluvo al terbulo,
Kaj tia lukt' min tenas en absorbo
Por vi, kiel pri l' riĉ' la avarulo
Fierplezuras, sed de tim' suferas,
Ke l' ŝtela tempo rabos lian riĉon.
Jen esti kun vi sola mi preferas,
Jen, ke la mondo vidu ĉi feliĉon.
Jen vidfestenas mi, se vin mi vidas,
Jen por rigard' mi mortas de malsato,
Plezuron mi nek havas, nek avidas,
Krom kion donis, donos vi, amato.
Jen en mizer', jen en festen-ebrio,
Manĝegas ĉion mi, aŭ mankas ĉio.

XCV.

Eĉ honton kiel faras vi dolĉdona,
Se, kiel ruĝan rozon rust', la belon
Makulas ĝi de via nom' burĝona,
Kiel vi fermas kulpojn en mielon !
La lang' klaĉanta pri vi por disaŭdo
Kaj komentanta pri ĉi viv' obscene,
Vin eĉ mallaŭdi povas nur kun laŭdo,
Nomante vin, misdiron kronas bene.
Kiel vi estas hejmo ideala
Por kulpoj, kiuj loĝi vin elektas !
Ĉar la makulojn kaŝas Bel' vuala,
Ĉio videbla ĉarme belaspektas.
Tre granda rajt' ! Sed, kara, estu garda,
Breĉiĝas per misuz' eĉ kling' plej harda.

XCVII.

Ve, kia vintro estis, dum mi migris
For de vi, ho plezur' de l' jaro kura !
Kiel mi frostis, miaj tagoj nigris,
Decembro estis ĉie, kalva, dura.
Kaj tiu tempo estis ja somero !
L' aŭtun' lasciva riĉgravede portis
Naskŝarĝon majan, kiel la utero
Vidvina, kies fruktiginto mortis.
Sed ĉi abunda pompo ŝajnis nure
Senpatra frukt', esper' de orf-gefiloj,
*Vin* la somer' atendas riĉplezure,
Vi estas for, do mutas birdotriloj,
Aŭ, eĉ se sonas, triste nur lamentas,
Folioj palas, vintron antaŭsentas.

CIV.

Por mi, amat', ne maljuniĝos vi.
Ĉar kia mi ekvidis vin unue,
Vi same belas. Frostaj vintroj tri
De l' bosko rabis tri somerojn skue.
El tri printempoj faris tempo-rul'
Aŭtunon flavan, la april' balzama
Trifoje iĝis jam junia brul'
Sed restis via juna freŝ' la sama.
Ve, sed la bel', kiel horloĝmontrilo,
Sen halt' momenta ŝtele sin forŝovas,
La dolĉaj trajtoj, ŝajne en trankvilo,
Ja pasas, kaj la vid' min trompi povas.
Gentaĉoj sekvaj, aŭdu pri l' kruelo,
Vi eĉ ne ĝermis, mortis jam la Belo.

CXXVIII.

Mia Muzik' ! se vi muzikon ludas,
Kaj kordsonoron per fingretoj dolĉaj
Al la feliĉa ligno milde trudas,
Kaj vibras sonoj, al mi orelsorĉaj,
Ho, kiel ofte mi pri l' kavoj etaj
Envias, kiuj vin mankisi saltas,
Dum miaj povraj lipoj, rikoltpretaj,
Apud la lign' aŭdaca honte haltas,
Volonte ili ŝanĝus staton sian
Kun dancaj klavoj, kiujn dolĉa tuŝo
Karesas, donacante benon plian
Al morta ligno, ol al viva buŝo.
Se klavoj volas, ke vi ilin ravu :
Ili la fingrojn, mi la lipojn havu !

CXXX.

Okuloj ŝiaj sunon ne egalas,
Koral' ol ŝia buŝ' pli ruĝe ravas,
Se neĝo blankas : ŝia brusto palas,
Se drat' la har' : ŝi nigrajn dratojn havas.
Mi vidis rozojn, blankan kaj purpuran,
Sur ŝiaj vangoj tia roz' ne floras,
Parfumoj havas spiron pli plezuran,
Ol spir' de mia sinjorin' odoras,
Mi scias, kvankam amas voĉon ŝian,
Ke la muziko sonas pli dolĉkante,
Diinon paŝi vidis mi neniam,
Sed sur la teron paŝas ŝi marŝante,
Tamen, mi ĵuras, estas ŝi pli rara,
Ol kiujn gloras laŭd' mensogkompara.

CL.

De kia Pov' vi havas povon tian,
Ke per malfort' vi mian koron regas,
Kaj mi rifuzas pravan vidon mian,
Kaj ĵuras, ke la suno ne brilegas ?
Malbonoj en vi kial tiel ĉarmas,
Ke eĉ la plejan feĉon de faraĵoj
Per tia fort' kaj artrutin' vi garnas,
Ke virtoj iĝos por mi la mispaŝoj ?
Kie vi lernis, ke vi min amĉenas,
Ju pli mi vidas, aŭdas malamkaŭzon ?
Mi amas, kion multaj abomenas,
Kun multaj do ne sentu al mi naŭzon !
Ke via senindec' min ame ligas :
Je via amo min eĉ pli indigas.

---

# Place de l' Opéra

## — Mihály Földi —

Parizo, *Place de l' Opéra,* tagmeze, je la dekdua. Ni venas de la avenuo, kontraŭe al ni estas la Operdomo, maldekstre la seĝaro de la *Café de la Paix.* Kaprica, varmeta aŭgusta tago ; sur la ĉielo nekapteble glitas arĝenta disko, inter nuboj. El la du flankoj de la Operdomo, nevideblaj buŝoj elverŝas senĉese veturilojn, aŭtojn, homojn, — sed nun, bluvesta policisto levas sian blankan bastonon kaj malantaŭ li rigidiĝas senmova la amaso da veturiloj kaj homoj. La riverego larĝiĝas lago kaj profundiĝas sur la placo ; veturilo boras sin en veturilon, la motoroj brubruas, ŝultro tuŝas ŝultron, elspiro miksiĝas al elspiro, svarmas, muĝas, klakas, murmuras la amaso, kiun malheligas en lumon, kolorigas en ombron la suno, kuradanta inter la nuboj.

Mi rigardas la amaskirlon kaj aŭdas ĝian misteran bruon :

*Fraŭlino* (kun ĉapelskatolo surbrake, malantaŭ grandega aŭto) : Mi rapidas ! Mi ne havas tempon ! Mi estas la sinjorino de kamelioj.

*Fraŭlo* (malantaŭ ŝi) : Mi amas vin ! Mi amas vin !

*Amerikano* (malgrasa profesoro kun bluruhanda, blanka ĉapelo : Vivu vivon kreantan ! Aktivismo ! Mekanismo ! Vitalismo !

*Franco* (ridetas).

*Amerikano* : Ĉu vi ridas pri mi ?

*Franco* (zumkante) : Mekanika homo ! Mekanika homo !

Ĵetu en maŝinon dolaron, dolaron,
Naskos la maŝino al vi infanaron...

*Surdmutulo :* Mi estas artisto ! Mi estas artisto ! Mi alportas la novan arton ! Novan formon, novan koloron, oni ne komprenas min ! Oni ne komprenas min !

*Modsalono* : La prezo de l' kostumo : 20.000 frankoj.

*Angla voluptulo* : Ĉu la virino ?

*Modsalono :* Mil frankoj.

*Angla voluptulo :* La kostumo kun la virino ?

*Modsalono :* Kvinmil. Forportu ! Negoco !

*Angla voluptulo :* Negoco.

*Fraŭlino :* Ni iru jam. Mi estos la sinjorino de kamelioj. Mi staros malantaŭ la vendotablo, mi proponos belajn ĉapelojn al belaj sinjorinoj, mi atendos la grafon, la aristokraton, la riĉulon, kiu delogos min. Ho, grafo, ho, grafo, delogu min jam !

*Fraŭlo :* Fraŭlino, mi amegas vin. Longajn, longajn posttagmezojn mi promenadas antaŭ via vendejo, kun mia patro, jam ok ĉapelojn mi aĉetis de vi. Kion fari pri la ĉapeloj ? Kion fari pri la ĉapeloj ?

*La profeto :* Mi anoncas la malriĉecon ! Estu miaj disĉiploj ! Mi anoncas la riĉecon, estu miaj disĉiploj !

*La amaso :* Ni rapidu, ni malfruos ! Ni malfruos, ni rapidu !

*Almozulo :* Mi petas du soldojn.

*Napoleono :* Lodi, Austerlitz, Wagram, Waterloo, gloire, gloire ! Mia tombo estas videbla por du frankoj. Du frankoj !

*Dome des Invalides.* Du frankoj !

*Politikisto :* For la militon ! Vivu la milito ! Kion vi volas ?

*Individuo :* Mi ! Mi ! Mi estas mi ! Diru, kiu estas mi ?

*Skulptisto :* Mi pentras.

*Pentristo :* Mi estas skulptisto.

*Maljunulo :* Mi havis 20.000 rublojn antaŭ la milito ; en 1914 mi havis 20.000 rublojn. Mono ! Bela mono ! Sparita mono ! Nenio ! Papero ! Malbonaj estas miaj piedoj, malsanaj ili estas, kaj mi loĝas malproksime. Multe kostas la tramo. Ĉu vi havas iom da mono ? Kaj, ĉu vi estas katoliko ? Ankaŭ mi. Bone. Ho...

*Animo :* Mi volas esti korpo.

*Korpo :* Mi estas la animo !

## La ruĝa tramo

### aŭ: Printempo en Londono

— L. N. Newell —

Ho svingiĝanta tram', ruĝega krio
Ardanta sur printempa mola sino
De l' ŝaŭmaj arboj ; ŝtala geranio

Rimanta kun la lip' de stratanino
(Papavo de l' pavimo), vi ŝoviras
Tra bluaj retoj de la gazolino

Kantante ĉefarion kiu ŝiras
L' obtuzan tondron rondan de l' sonato
Trafika ; onda kontrapunkt' deliras

Kaj ŝprucas sur krutaĵon de l' murplato
— Bruoceano sur la granda vojo,
Flueta flustro en la fora strato.

Hundinon ĉasas hund' kun ama bojo ;
En ombra parko, pro ŝaŭmanta juno,
Virinon ĉasas vir' kun hunda ĝojo.

Duŝilingo pale pendas, kvazaŭ luno,
Solece super urb' ardanta forne ;
Ĉielo ŝminkas sin per morta suno.

Al tramo, kiu palpebrumas dorme,
Najado kuras tra lampluma strio ;
Taksioj malproksime krias morne.

## Momentfoto

— Ludoviko Totsche —

En frupvintempa strato
Subita sent' :
La urb' alprenas geston
De festa silent'.

Ĵus estis brutumulto,
Bulvarda svarm',
Vivritmo febra, kuro
Por pano kaj por karn'

Nun por minuto ĉesas
La strata bru',
Sin bremsas de l' trafiko
Zigzaga bunta flu'.

Diafanan muton ŝutas
La suno-bril',
La homojn gapi igas
La ora rid' : April'.

Senmova ĉio : kvazaŭ
Haltus la temp' :
La mond' momente festas
L' alvenon de l' Printemp' !

---

*La amaso :* Ni rapidu, ni malfruos ! Ni malfruos, ni rapidu !

*La fraŭlino :* Ni rapidu, mi estos la sinjorino de kamelioj.

*La fraŭlo :* Mi amegas vin.

*La fraŭlino :* Mi amas vin. Vespere ni iros en kinon kaj kiam Chaplin pafos al si la koron sur la glacimonto, mi permesos, ke vi kisu min. La kiso estas bona.

*La fraŭlo :* La kiso estas ĉio.

*La fraŭlino :* Dimanĉon, posttagmeze ni iros al la *Seine*. Ĉe *Saint Cloud* ni descendos kaj inter la arboj, kie la aero estas parfuma, ni vivos, unu por la alia. *Une heure de bonheur.*

*Poeto :* Mi faras poemon, donu monon !

*Romanverkisto :* Mi verkas romanon. Romanon pri la epoko, epokpriskribon pri la transir-epoko, analizan romanon pri la analiza homo, konstruivan romanon pri la konstruiva homo, internacian romanon pri la internacia homo, du subtilaj vortoj inter la vicoj pri *Patou*... *Gerlain*... ankaŭ pri vi, sinjoro *Poiret* ? Ĉu vi pagas ? Atentu min ! Ne dancu tiom ! Ho teruraj estas ĉi tiu multa danco, sporto, revuoj... ne restas tempo por mi... ankaŭ min priatentu do, ankaŭ pri mi okupiĝu, mi skribas, mi skribas, mi deziras vilaon, kastelon, mi volas aŭton, donu monon, monon..

*La amaso :* Ni rapidu, ni malfruos ! Ni malfruos, ni rapidu !

*La fraŭlino :* Mi scias, vi estas malriĉa. Mi amas vin.

*La fraŭlo :* Mi amegas vin.

*La fraŭlino :* En *St. Cloud* ni serĉos la grafon. La sinjorino de kamelioj bezonas grafon.

*La fraŭlo :* Poste princon.

*La fraŭlino :* Kaj vi turmentos min pro mia estinto. Pro la estinto !

*La fraŭlo :* Mi amas vian estinton. Ho, la grafo... ho, la princo !

*La fraŭlino :* Kaj la palaco... Kaj la diamanto... En mia estinto mi ĉiam amos vin. Vi estas mia koro.

*La fraŭlo :* Kaj la grafo ? Kaj la princo ?

*La fraŭlino :* Ankaŭ ilin mi amas.

*Marie Antoniette :* Oni senkapigis min. Venu al *Versailles*, rigardu miajn palacojn. Thos. Cook, 70 frankoj. Bele.

*Reklamo* (sur la tegmento) : Supo-kubo ! Laksigilo ! Caruso, Paderevskij, gramofono !

*Aŭtobuso* (kun knara bremso ŝovas sin inter la veturilojn. La ŝoforo cigaredas. Ekscitegita viro kaptas revolveron kaj trifoje pafas en paceman sinjoron, kiu legas gazeton. La pacema sinjoro mortas. La murdinto oratoras : Fripono ! Li delogis ŝin ! La ŝoforo cigaredas kaj atendas de la senmova policisto signon de ekiro).

*Gioconda* (dum sia antaŭtagmeza promenado) : Mi ridetas. Oni diras al mi, mi ridetas. Ĉu mi ridetas ? *La Louvre !* 2 frankoj ! Angloj, germanoj, popoloj venu ! Mi ridetas.

*La amaso :* Ni rapidu, ni malfruos !

*La fraŭlino :* Mi donas al vi la ŝlosilon de mia ĉambreto. Se la grafo foriros... kaj foriros la princo..

*La fraŭlo :* Mi amegas vin.

*La fraŭlino :* La grafo akiros por vi postenon... la princo havas multan monon... Kion vi kapablas ?

*La fraŭlo :* Nenion.

*La fraŭlino :* Tre bone. Bona por ĉio.

*La fraŭlo :* Mi adoras vian koron. Mia patro estos al vi dankema. Li estas honestulo.

*La fraŭlino :* Saluton al via patro.

*Vilhelmo la Konkera :* En 1016. mi enŝipiĝis... kaj en la batalo ĉe *Hastings*... Mia memoro vivas... Ni kantis la kanton de frateco. Mia memoro vivas. Mia drinkejo estas videbla kaj uzebla en *Dives*. Miaj ĉambregoj estas videblaj por abunda vespermanĝo kaj trinkmono. Mia memoro vivas.

*Luizo la XIV-a :* Mi reĝis. Mi estas la sunreĝo. Ho, fremdultrafiko!

*Burĝo :* Mi estas en karcero, mi estas kaptito.

*Kaptito :* Mi estas senkulpa, mi liberiĝos.

*Frenezulo :* Mi estas sobra.

*Sobrulo :* Mi freneziĝos.

*La profeto :* Vi estas malĉastaj! Vi estas malhonestaj! Vi estas senmoralaj! Ĉio estas la mono! Ĉio estas egoismo! Mi anoncas novan Mesion.

*Dua profeto :* Li mensogas. Mi alportas la Mesion! El Hindujo.

*Tria profeto :* Mi alportas lin el Ĉinujo.

*Belulino :* Mi timas la morton. Ĉu vere, ĉiu mortos?

*Kvara profeto :* Ne timu, sinjorino. Mi anoncas novan religion. Sinjorino, vi, escepte, ne mortos.

*Belulino :* Ĉu certe?

*Kvara profeto :* Ĉe mi neniu mortas. Aliĝu al mia adeptaro.

*Belulino :* Mi estas vidvino. Ĉu mi eĉ ne maljuniĝos?

*Kvina profeto :* Ĉe mi neniu maljuniĝas.

*Profetoj :* Aliĝu! Aliĝu!

*Belulino :* Mi volas danci! Novan dancon! Ebrion! Mi adoras la kaŭĉukdancon.

*Profetoj* (ekdancas) : Ni dancas. Sinjorino, ni dancas.

*Kaŭĉukdancisto :* Miaj ostoj estas el kaŭĉuko. Mi ne estas homo! Mi estas fiera.

*La koktajlo :* Mi miksas min. Al mi plaĉegas, ke oni min trinkas.

*Anarkiisto :* Renversi!

*Komunisto :* Novan ŝtaton!

*Rojalisto :* Malnovan reĝon!

*Dancisto :* Mi estas klasika.

*Artisto :* Mi estas artifika.

*Bankiero :* Mi faras negocon.

*Agento :* Mi peras. Produktu, vi produktas al mi. Vendu, vi vendas al mi. Aĉetu, vi aĉetas al mi. Vi vivas kun mi, vi mortas kun mi. Vivu mi! Vivu mi!

*La nekonata soldato :* Kial mi mortis?

*Militestro :* Jen, mi deklaras min venkinto.

*La negro :* Mi estas moŝtsinjoro.

*La arabo :* La kolonioj estas memsatraj popoloj. Mi farigis modernan jakon ĉe Pariza tajloro, sed mi konservas kaj portas fiere kaj senŝanĝe la naciajn kutimojn de niaj pratradicioj en la faldoj de mia pantalono. (Li portas ilin.)

*Etburĝo :* Ordon! Trankvilon!

*Komercisto :* Negocon!

*Verkisto :* Temon!

*Fraŭlino :* Kison!

*Fraŭlo :* Ho, juneco, amon!

*Junularo :* Karieron! Karieron! La antaŭa generacio jam sufiĉe longe sidis sur nia kolo! For ilin! Ni venos.



F. Medgyessy *Virino kun vazo*

*La mono :* Jen, mi alvokas la tre estimatajn gesinjorojn, aliĝu mian partion, senkondiĉe. (Oni aliĝas.)

*La maro :* Atendu! Nur momenton! Mi ondadas ĉe la bordo. Mi venas. *Grand Hotel de Luxe.*

*La amaso :* Ni malfruos, ni rapidas. Ni rapidas ni malfruos.

En tiu ĉi momento, la policisto stariĝas flanken kaj signas la vojon libera al la *Avenue de l' Opéra.* La amaso, kunŝoviĝinta dum kvin minutoj, ekiras sible, spirege, ĝeme, ride, rapidparole, zume, grake, kante, vee, ekiras kun kaj sen benzino, kvazaŭ pulsus komuna koro en ĉiuj, ekiras tendenstreĉe kaj motorstreĉe. Unue ekflugas el la amaso citronflava brila aŭto provizita per ĉiuj akiraĵoj de la tekniko. Flageto flirtas sur ĝia fronto, anoncante la fabrikon kaj la epokon : DUDEKA JARCENTO.

El la hungara : *F. Szilágyi.*

# LA ESPERANTA RIMO

— K. KALOCSAY —

*Gramatika karaktero. Mozaikrimo.*

En Esperanto plejparte kunrimas vortoj en samaj gramatikaj formoj: *homo-domo, granda-landa, venis-benis.* La ebloj de tiu frapanta rimado, kiu kunkroĉas diversajn gramatikajn formojn, en nia lingvo estas tre limigitaj. Sed la rimefiko estas pli granda, se almenaŭ la gramatika karaktero de la rimradikoj diferencas. Ekzemple: *rapida-klarvida, ŝtono-admono, martele-bele* estas pli plaĉaj rimoj, ol *rapida-rigida, ŝtono-mono, bele-hele.* Kompreneble, ankoraŭ pli surpriza estas la rimo, se la gramatika formo de la rimvortoj tute diferencas. Kvankam ne multaj, troviĝas en Esperanto ankaŭ tiaj rimoj, parte el tutaj vortoj (brili-ili), parte t. n. *mozaikrimoj,* kies unu rimparto estas kunflikita el du vortetoj (brili-pri li). Grabovski kunmetis tutan poemon el tiaj rimoj: *oni-bastoni, zumi-du mi, punu-unu, por mi-dormi, ĉiu-radiu* (virinaj rimoj), *mem-ekprem', jam-skvam', ĉar-arbetar', tuj-patruj', ĝin-kvin.* (viraj rimoj) Spritajn mozaikrimojn ni trovas en la »Ŝiriĝis kordo« de Baghy: *ĝemi-ĉe mi, jam pli-ambli, senpardone-ho ne, solvi-ol vi, sekvi-nek vi.*

*Rimaranĝo.*

Kiel en ĉiuj aliaj poezioj, en Esperanto la ĉefaj rimaranĝoj estas:

*Duona rimo,* kiam el la kvar versoj rimas nur la dua kaj kvara inter si, la unua kaj tria estas senrimaj (skemo: *xaxa*):

Ŝi gvidis min al elfa grot',
Rigardis min kun kora ĝem',
La flam-okulojn fermis mi
Per kiso-prem'.

*(Keats)*

*Para rimo;* kiam interrimas du sinsekvaj versoj (skemo: *aa bb cc*).

La landon, kie floras la citronoj,
Oranĝoj oraj ardas en branĉkronoj,
De l' ĉielbluo blovas milda vent',
Laŭr' alte staras, mirto en silent',
Ĉu konas vi?...

*(Goethe)*

*Alterna rimo,* aŭ *krucrimo,* kiam interrimas la unua kaj tria, kaj la dua kaj kvara versoj (skemo: *abab*):

Vent' frosta, klara nokto, sur neĝo ruĝmakuloj.
Mil bravaj viroj kuŝas sentombe tie ĉi,
Sen mov'. La man' sur glavo. Rigidaj la okuloj.
Kaj supre nigraj korvoj kun ĝoje graka kri'.

*(Leconte de Lisle).*

»*Ĉirkaŭprena rimo,* kiam interrimas la unua kaj kvara, kaj la dua kaj tria versoj (skemo: *abba*):

Ho najtingal', en arbetaj' sub floroj
Trilanta, dum en mut' la boskoj dronas,
Per freŝa fid' vi aman koron zonas,
Dum Majon danci gvidas gajaj Horoj.

*(Milton)*

*Mezrimo,* kiam la unua duono de verso rimas kun la dua:

Ĉar songporte sin levas la Lun' kaj mi revas
Pri la bela Annabel Lee,
Kaj se levas sin stelo, mi revas pri l' helo
Okula de Annabel Lee.
Tiel dum la nokthoro mi kuŝas ĉe l' koro
De Ŝi: mia viv', fianĉino, trezoro...

*(E. A. Poe)*

*Kroĉrimo,* kiam du (aŭ tri) versgrupojn, konsistantajn el du (aŭ tri) interrimantaj versoj, kunkroĉas la sama rimo (skemo: *aac bbc*):

En la lulo, mola lulo,
Rozburĝono, fil', etulo,
Dormu mieldolĉe,
Kisi buŝon, ĉi gracian,
Kiel kisi patron vian,
Estas tiel dolĉe.

*(Ignotus)*

Krome, precipe en la t. n. liberaj versoj, ekzistas tute senordaj, kapricaj rimometoj.

La supraj skemoj estas uzeblaj, kiel memstraj strofoj. Krome el ilia kombino formiĝas diversaj, pli severaj versformoj, el kiuj, en la hodiaŭa poezio, plej ofte estas uzata la soneto. Ĝi, en sia klasika formo, konsistas el du verskvaroj, plej ofte kun ĉirkaŭprenaj rimoj, kaj el du verstrioj, kun varia rimaranĝo. La du kvaroj, en la severa soneto, rimas ankaŭ inter si, jene: *abba abba.* Sed ofte estas uzata ankaŭ la pli libera formo: *abba cddc.* Ekzemplo:

Soneton de mi Violante petis,
Neniam tiel premis min dilemo!
Laŭ dir', ĝi estas dekkvar-versa skemo...
Jen — serĉe-serĉe mi tri versojn metis!

Ke mi ne trovos rimojn, mi timetis,
Sed — marŝas dua kvaro de l' poemo!
Alveni ĝis la Trioj: jen problemo,
Post tio mi la zorgojn jam forĵetis.

L'unuan Trion marŝas mi, konjekte,
Ke mi eniris ĝin dekstrapiede.
Ĉar per ĉi vers' mi finos ĝin korekte.

La dua jam! Mi kredas, ke komplete
Mi faris dektri versojn, laŭprojekte.
Kalkulu nun! Ĉu dekkvar? Estas prete!

*(Lope de Vega.)*

La *tercino* konsistas el verstrioj, kies unua kaj tria versoj rimas inter si, kaj la meza rimas kun la unua kaj tria versoj de la sekva triopo, farante tiel seninterrompan ĉenon: *aba bcb cdc ded* ktp. Ekzemple:

Tra mi vi venas urbon de turmento,
Tra mi al la eterno de l' doloro,
Tra mi vi venas al damnita gento.

Justeco gvidis manon de l' Aŭtoro,
La Dia Povo levis volbon mian,
Plej Alta Saĝo kaj Praama Koro.

Kreaĵon ja samaĝas mi nenian,
Sole eternan : mi eterne daŭras.
Enire lasu for esperon ĉian.
*(Dante : Surskribo de la Infer-pordego.)*

La *okverso*, aŭ *okversa stanco* (ottava rima) konsistas el ses versoj kun alternaj rimoj, kaj el unu para rimo : *abababcc*.

Jen, riĉa tablo plenmetite pretas
Sur laga bordo, karaj manĝoj sure,
Kaj du knabinoj en la lag' ridetas,
Dum ban' petolas, ŝercas, trilas pure,
Kiu pli bone naĝas : ili vetas,
Poste ŝprucigas akvon ludplezure,
Nun ili dronas, nevideblaj estas,
Kaj naĝe, longe sub la akvo restas.
*(Torquato Tasso.)*

La ĉarma kaj facilmova formo *rondelo* havas la jenan skemon : *ABba abAB abba A*. La majusklaj literoj signas samajn versliniojn. Ekzemplo :

For de l' vetero la mantel'
De vento, frosto, pluv' glacia,
Gi vestis sin per brod' radia
De klara, bela suna hel',

Bestaro, birdoj de ĉiel'
Laŭtas en lingvoj kanta, kria,
For de l' vetero la mantel'
De vento, frosto, pluv' glacia.

Arĝentajn gutojn de juvel'
Portadas, en livre' gracia
Riveroj, fontoj. Aĵo ĉia
Revestas sin per nova bel'.

For de l' vetero la mantel'.
*(Charles d' Orlèans)*

Aliaj, ankoraŭ pli komplikitaj formoj, kiel ekzemple la *balado*, aŭ *gazelo*, apenaŭ estas ĝis nun reprezentitaj en Esperanto.

—

Ĉe la rimometo oni devas ankoraŭ atenti pri tio, ke oni ne metu apude rimojn, kiuj estas asonancoj inter si, ĉar tio havas tre ĝenan efekton. Ekzemple tute malbone efikas la jenaj krucrimoj : *karavara:para-flava, piko-cito-amiko-spito*. Eĉ, laŭeble oni evitu, ke apudaj rimoj havu la saman finaĵon, precipe se ambaŭ rimvort-paroj havas la saman nombron de konsonantoj. *Plekte-pete-rekte-ete* estas bona rimsekvo, sed *oro-muro-koro-ŝnuro* jam estas tre monotona. Ekzemple en la tre inspirita kaj varmsenta poezio de Stanislav Schulhof oni sentas teda, ke preskaŭ ĉiuj rimvortoj finiĝas je o.

*Kaŝo de rimoidoj.*

La plej bonajn rimoidojn : bonajn kombinajn parencrimojn, pluskonsonantajn rimojn, kaj ankaŭ kelkajn kombinajn asonancojn, oni povas senĝene uzi kie ajn. Sed la malpli perfektajn rimoidojn kaj la agordojn konsilinde estas kaŝi, t. e. ilin meti tiamaniere, ke ilia nepureco kiel eble malplej evidentiĝu.

Ĉi rilate mi ripetas, ke, dum la rimefekto de la malsam-finaĵaj rimoidoj malkreskas per la malproksimo, la rimefekto de la samfinaĵaj rimoidoj kreskas per ĝi. Tial plejbone ili efikas en nesinsekvaj rimoj. Ekzemple en alternaj rimoj, aŭ en la eksteraj rimvortoj de la ĉirkaŭprena rimo. Dum, ekzemple, *forĝo-sonĝo*, en senpera sinsekvo, ne tro kontentigas, en la ĉirkaŭprena rimo : *forĝo-blovas-povas-sonĝo* ĝi ŝajnas al mi akceptebla. En la klasika soneto, same, oni devas atenti precipe pri la bona kunsonoro de la najbaraj rimoj (mezaj rimoj de la du kvaroj, lasta rimo de l' unua, unua rimo de la dua kvaro). La eksteraj rimoj de la kvaroj povas esti ankaŭ pli kuraĝaj rimoidoj, kaj la mezaj rimoj inter la du kvaroj povas eĉ asonanci. Ekzemple : *kompreni-floras-valoras-tremi premi-povas-blovas-ĝeni*. Per tiaj permesoj oni certe multe pli kapablos venki la malfacilaĵon, kiun, traduki en ĉi tiu rimriĉa formo, signifas en la rimmalriĉa Esperanto.

Krome, ĉe la alternaj rimoj la *paraj versoj* portas la *ĉefan rimon*, ĉe ili »elsonoras« la verso. La *malparaj versoj* ja povus esti ankaŭ senrimaj, ilia rimo, nomata de mi *flankrimo*, estas nur flanka ornamo, kvazaŭ lukso. Tial oni devas atenti precipe pri la bonsonoro de la rimo de paraj versoj, al kiuj estas direktata la ĉefa atento de la aŭdanto : la rimo de la malparaj versoj, ĝuste, ĉar ili estas kvazaŭ en ombro, povas esti ankaŭ pli malpli kuraĝa rimoido. Ekzemple tute



B. Göndör *Malriculoj*

bone sonas la jenaj rimaranĝoj: *tinto-kara-zinko-amara, centro-pala-novembro-vuala, plekto-iris-adepto-miris.*

*Finvortoj.*

*Al poetoj.* La supraj permesoj donas neprajn plifaciligojn, kaj ankaŭ riĉajn eblojn de elekto. Oni ne timu uzi eĉ kuraĝan rimoidon, se per ĝi oni gajnas fidelecon, naturecon de esprimo. Sed oni gardu sin de trouzo, ĉar la tro multaj nepuraj rimoj donas surdan muzikon, lignosonan, tedan, knaran, senharmonian poezion. Kaj la idealo devas esti ĉiam la pura rimo kaj la forta, laŭeble postkombina parencrimo.

*Al kritikistoj.* La rimo ne estas ia metafizika postulato, sed simple — ornamo. Inter certaj kadroj de akustikaj ebloj, sole de alkutimiĝo dependas, kion oni povas senti kaj ĝui ornamo. Oni povas kaj devas ellerni la aprezon de la rimoidoj.

Estas interese, ke eĉ la plej akraj kontraŭbatalantoj de la rimoidoj sentas, ke la klasikaj rimreguloj de Esperanto estas netaŭge severaj. Ekzemple unu el ili, recenzante la Faŭst-tradukon de Barthelmess, rekte riproĉas la tradukinton, ke li »kun liaj nekontesteblaj kapabloj ne sentis, ke la ĝisnuna stato de la Esperanta poetiko malpermesas la tradukon de Faust.«

Nu, la uzo de rimoidoj volas helpi ĝuste por tio, ke ĉi tiu malpermeso fine malaperu.

Krome, mi asertas, ke la rimoidoj estas ne nur necesaj, ne nur lastaj rimedoj de malriĉo, kiujn pravigas sole la hungara proverbo: malriĉa homo kuiras per akvo. Ili donas ankaŭ kroman gajnon. Rimriĉaj lingvoj povas senfine varii siajn rimojn, porti ĉiam freŝajn kombinojn. En Esperanto la eterne ripetiĝantaj samaj rimoj baldaŭ iĝas tedaj. Nu, la rimoidoj donas agrablan variadon, interesajn disakordojn, post kiuj ree freŝe efektas eĉ la eluzita rimo pura. Oni pensu pri la muziko. Terure enua ĝi estus, se ĝi konsistus sole el puraj harmonioj. Disonancojn oni bezonas, por povi plezuri pri la solvanta pura akordo. Rimoidojn ni bezonas, por povi vere ĝui niajn rimojn purajn.

*(Fino.)*

---

# AL VI — MIA FELIĈO . . . EN LA MALPROKSIMA BULGARUJO

— *N. G. DANĈOV* —

Al vi, mia feliĉo, mi skribas denove. Al vi — reganto mia! Dio mia, celo mia!

Mi dankas al vi pro la letero... Mi ĝin legis, longe kisis kaj ĉirkaŭprenis, kovris per ĝi mian vizaĝon kaj ĝin spiris... „revante...". — Kaj fine en mia furiozeco ĝin disŝiris-je miloj da pecetoj ĝin mordetis!

— Ne viajn leterojn mi deziras!

Vin mi deziras!

Venkinto mia! — vin deziras mi kaj vin mi vokas hodiaŭ — venu al mi! Per ĉiuj fibroj de mia animo, per ĉiuj ĉeletoj de mia korpo vin mi vokas — venu!!

Mi estas freneza pro vi! — En la universitato mi ne povas aŭskulti la profesorojn, kun miaj kamaradinoj mi ne scias kion mi parolas kaj faras...

Antaŭhieraŭ pluvis, post tio la ĉielo sereniĝis, ekbrilis la suno kaj Lausanne estis admirinda! Ni, deko da gestudentoj, malsupreniris al la haveno en Ouchy. Oni proponis lui ŝipetojn kaj promeni sur la lago. Sed mi ne iris kun ili. Mi supreniris sola en ŝipeton — kaj sola ekveturis! La lago facile ondis .. — Per tuta forto mi remis kaj freneze penis! Mi remis kaj penis... soife, senripoze — ĝis mi lacigis mian petoleman korpon! Kaj tiam mi delasis la remilojn... Iliaj ŝipetoj nigris ie... Ĉirkaŭ mi estis neniu... Kaj tiam mi kuŝiĝis en mia gracia ŝipeto. Ha, kial vi ne estis kun mi! La ondoj lulis min ... Super mi estis klara, blua ĉielo... La lavita suno min surverŝis per agrabla varmo... — Kaj subite mi komencis krii. — Mi kriis plenvoĉe! — Vian nomon mi prononcis, trezoro mia! La vian, la vian!...

Venu al mi!

Mi ne loĝas plu en *Avenue Bergières*. De unu semajno mi estas en *Avenue des Alpes*. Belega vilao, de kiu estas videbla preskaŭ la tuta lago kaj la kontraŭa franca bordo. — Blanka ĉambreto, tute blanka: blanka plafoneto, blankaj tapetoj, blankaj mebloj, blanka kovrita liteto. Kaj teraseton mi havas antaŭe. — Sur ĉi tiu teraseto mi sidas, rigardas la lagon kaj la krispan kontraŭan bordon — kaj pensas pri vi...

... — kiel vi antaŭ du monatoj venis ĉi tien, gvidis min tra la kurbaj *Lausanne*-aj stratoj, en la verdajn ĉirkaŭaĵojn, suprenirigis min sur *Rochers de Naye*, parolis al mi dolĉe pri feliĉo... prenis mian tutan trankvilon — kaj foriris . . . — Sed estis belege, kiam, braksubbrake, vi min akompanis vespere ĝis la hejmo... Komence vi delikate apogis vian ŝultron kontraŭ la mia... kaj mi ne retiris min... Poste ni ekludis ĝis malfrue hejme kartojn... Kaj kiam — kiam vi puŝis miajn kartojn kaj vin ĵetis sur min kaj min ĉirkaŭprenis... Kiel brilis viaj okuloj en tiu momento! Vi estis dieca tiam!! Mi ankoraŭ kvazaŭ sentas viajn tremantajn brakojn, kiuj min ĉirkaŭprenis... — dezirantaj... Vi min petis, sed mi silentis... Per kia dolĉebriiga voĉo vi parolis al mi... Mi sentis, ke vi atendis nur unu rigardon de mi ... almenaŭ konsenton... sed mi timis... Estis tiel bele, estis ensorĉe, — sed mi timis... — Kial mi timis! ?

Ha, nun venu! Venu kaj min prenu!

Jen, mi diros al vi ĉion!

Ĉion, ĉion!

Mi vin deziras kaj turmentiĝas... ne havante vin! — Venu kaj prenu min tutan!! — Irante al banejo.. kaj banante min, mi rigardas mian rondan, facilrompan korpon — mi bedaŭras pro mi mem ... mi ploras pro mi mem, ke vi ne estas ĉi tie, ke tiel, vane pasas miaj tagoj...

Kaj kelkafoje mi furioziĝas... — en mia ĉambreto mi malvestiĝas nuda... tute nuda kaj antaŭ la granda spegulo mi komencas mem rigarde ĝui min... Se vi scius, kiajn harojn mi havas: densajn kaj brunajn — kaj, dismetitaj, ili kovras miajn ŝultrojn kaj bruston... Mi ilin tuj reĵetas malantaŭen kaj rigardas miajn ŝultrojn... — Ili estas rondaj, brilklaraj kaj molaj kiel lanugo... Pro la plej malgranda ekmovo ili tremetas... Kaj mia kubuto... se vi povus vidi, kiel ĝi estas ovala kaj delikate pintita... Tiel mi rigardas min — sola! Mi rigardoĝuas min — sola! Kiel frenezulino... Mi turniĝas antaŭ la spegulo kaj min rigardas... — Kaj subite mi komencas ploregi...

Aŭ, aŭskultu! Ĉu vi scias, kion mi faras ankoraŭ... — mi prenas vian portreton, kaj al ĝi mi montras min! Tiel — mi starigas ĝin kaj, tute nuda, komencas turni min antaŭ ĝi en freneza danco... Mi kantas kaj dancas — frenezan dancon ... En furioza danco mi turniĝas, ĝis mi senfortiĝas, ĝis mi falas...

Kaj baldaŭ mi...mi fordonis min... — aŭskultu, aŭskultu, kion mi parolas al vi... — mi fordonis min al la suno... — mi malfermis la fenestron por ke ĝi povu eniri libere en mian ĉambron, eltiris la kanapon mezen kaj nuda kuŝis sur ĝin — kaj min lasis tiel...al la vivaj varmaj radioj de l' suno min karesi.. Mi turnis min multfoje al ĝi kaj ridetis al ĝi, kaj etendis la brakojn al ĝi por ĝin altiri — kaj ĝin kisadis! . . .

Jen kion mi faras... Ĉu vi komprenas min? Tiel mi trompas kaj turmentas mian petoleman kaj dezirantan korpon. Ĉu vi komprenas min? — Ĉar vi forestas de ĉi tie! ! ! Vivo mia!

Tial mi vokas vin hodiaŭ! — Lasu la lekciojn, la ekzamenojn, lasu la universitaton — ĉion forlasu kaj venu!

Al mi venu, ĉarmo mia!

....Kial vi studas? — esti iam feliĉa... — Ĉu vi povus esti pli feliĉa ol nun kun mi? — Vi skribas al mi pri ia referaĵo, kiun vi legis, pri ia sukceso, kiun vi havis... — kaj ke vi estis kontenta de tio... — Vi trompas vin mem! Iluzio estas ĉio ĉi, pri kio vi skribas al mi. — Venu, mi donos al vi feliĉon! Veran, realan feliĉon!...

... Venu kaj volvu vin ĉirkaŭ mi kiel drako! Per via tuta juna kaj soifanta forto! — Ensuĉiĝu en min!! Mi lasos min al vi — kisu miajn ŝultrojn, mordetu miajn kubutojn, suĉu miajn lipojn — ĝis ebriiĝo, ĝis forgesiĝo!

...Mi min fordonos tuta al vi, ne volante scii pri io ajn! — Ne ekzistas moralo ekster mia sincera kaj ventega deziro! Mensogo kaj hipokriteco estas ĉio alia! Permesita estas ĉio, kion deziras mia juna kaj forta korpo! Ĉar tiel aranĝis Dio!

Oni parolu, kion oni volas!

Oni mensogos — kaj en siaj animoj oni envios. Aŭ oni estos malsana! ...

Tie ĉi estas mirinda printempo! — Sur la ĉielo naĝas grandaj lanugaj nuboj, blankaj kiel eriĝema neĝo, kaj speguliĝas en la lago, kiu ĉiuminute ŝanĝas sian koloron... Ankaŭ nun mi rigardas ĝin de mia fenestreto: ĝi estas bluete-griza. Kaj la domoj sur la kontraŭa bordo ĉe la piedoj de la altaj montoj — brilas kiel perloj... Kaj kia aero blovas: aroma kaj ekscita... Kaj tutajn horojn staras mi kontraŭ tiu ebriiga blovo kaj nesatigeble ĝin glutas! Ĝi ankaŭ nun eniras tra la malfermita fenestro en mian ĉambreton kaj lulas miajn buklojn...

Venu, ĝis estas printempe!

Venu por preni nian parton!

Por vivi venu!

Kun vi mi iros ree en *Chalet-à-Gobet!* Tiam ege kaj malseke neĝis...kaj kiel bele estis... Kun vi mi supreniros ree sur *Rochers de Naye* — ĉu vi rememoras, 2045 metrojn super la marnivelo... Tie ni trinkis lakton... Mi supreniros ree kun vi, mi rigardos de tie la ĉarman *Mont-Blanc*...kaj vin kisados! Ni ĉirkaŭvagos ree *Vevey, Montreux, Territet* ... Al *Evian* ni iros! Vi rememoras ĝin, ĉu ne, *Evian,* kontraŭ *Lausanne* ... en la suntago, kiel ni staris sur la benko apud la bordo? Ni vizitos ankaŭ la koketan *Genève!*

# Giotto kaj la animo

***Jaroslav Vrchlicky***

En sia ĉambro, foje, dum vespero,
sidadis Giotto kaj en duonsonĝo
meditis: kiel pentri la animon?
Li sidis sola, jam tre mallumiĝis,
la stratoj estis jam silentaj, steloj
spegulis sin sur la kupoloj urbaj
kaj ĉiam sonĝis kaj meditis Giotto:
animon homan kiel pentri? — vane.
Subite ŝajnis al li, kvazaŭ sonus
tra la silento frap' sur pentrejpordo,
malpeza, kiel frapo de infano.
Kaj Giotto vidis per animokuloj,
ke la animo mem nun al li venas,
por ke li pentru ĝin — kaj ree sonis
frapet' malpeza tra la koridoro,
simile kiel la birdet' frapetas
en vintro sur fenestroj fermetitaj,
kaj en la sonĝo Giotto ekridetis.
Sed en komforto kaj trankvilo tia
sonĝante, tiel bone ripozigis
li de la pena taglabor' la menson
kaj korpon lacigitajn, ke leviĝi
ne volis li, nur dolĉe ridetadis
kaj pensis: ĝi ankoraŭfoje venos.
Kaj triafoje la ekfrapo sonis
ankoraŭ pli malpeza, kvazaŭ tuŝus
muŝeto per flugiloj konvolvulon.
Kaj Giotto kuŝis, sonĝis, endormiĝis.
Sed li matene sentis malplenegon
en la anim', memoris, ke li volis
ja pentri la animon homan, — ho ve!
La kap' malplena, li atendis longajn,
tre longajn noktojn kaj neniu frapis,
la stratoj estis jam silentaj, steloj
spegulis sin sur la kupoloj urbaj,
kaj pro sopir' la bona Giotto mortis.

Ĉu scias vi, ho sopirant' de Belo,
kial rakontis mi al vi la miton?

El la ĉeĥa: *Ant. Jandik.*

---

Kaj ĉie — kun vi... Kaj mi vin havos, vin, vivo kaj feliĉo mia!!

Kiel multe mi deziras vin... —

Sed kiel malproksime vi estas... —

Kion vi faras nun tie, en la malproksima kaj pluva Sofio... Kredeble vi legas — iajn notojn, lekciojn... — Mi kompatas vin!

Lasu ĉion, forĵetu ĉion kaj iru! Pli rapide iru! Tuj kiam vi ricevos mian leteron — kaj flugu!

Aŭ mi venos al vi!

Ne, ne! Ĉi tie! Super la lago! En la virgaj pinarbaroj! — .... supre, sur la neĝblankaj pintoj!..

Venu — venu, vivo kaj celo mia! Ne perdu eĉ unu tagon, venu! — Mi promesas al vi la plej altan feliĉon! — Mi promesas al vi ventegan amon! Amonfajregon, amon-vulkanon, tertremon!!

Venu, nur venu. —

— — — — — — — — — — — — —

P. S. Jam estas malfrue. Mi estis malvestiĝinta kaj kuŝiĝinta. Mia fenestreto estas malfermita kaj de la lago blovas varma, ebriiga venteto. Sed petolemis mia soifanta korpo... Tiel multe mi volis — ke vi volvu

vin ĉirkaŭ min, kiel drako... — vi! ! Kaj, jen, mi mem kaptis miajn proprajn brakojn kaj per la tuta forto komencis ensuĉigi miajn ungojn tien — ĝis mi eksentis doloron ... ĝis ili eksangis... Tiel! Estu! Kion vi ankoraŭ volas? — Kaj per sangaj fingroj mi aldonas al vi ĉi tiujn liniojn... —

Kun aŭtora permeso el la bulgara: *Ivan H. Krestanov, L. K.*

*Nikolaj G. Danĉov* (nask. en 1878, en Sviŝtov, Bulgario), jam kiel studenton, forlogas lin la rusaj verkistoj kaj li pasigas tri feriojn en Peterburgo. Post la fino de l'universitato li okupiĝas longtempe pri sia farmo en Stara-Zagorsko, kaj nun estas instruisto en Sofia. Komencis sian literaturagadon en »Misal« (Penso 1898), Kunlaboris en »Bulgarska Sbirka«, »Bulgarski Pregled«, »Znanie« k. a. En 1903. la Nacia Teatro prezentis lian dramon »Mi volas vivi«. Apartaj rakontaroj: »Pluvaj tagoj«, »Kiam la suno subiras«, »Eva«, »Rakontoj«.

---

# Kiel komenci novelon

**— Kenelm Robinson —**

Oni devas konfesi, ke en novelo ĉiam la komenco estas la plej grava parto, ĉar, se la novelo publikiĝas, estas almenaŭ verŝajne, ke kelkaj legos la unuajn liniojn. Oni memoru, ke la homo estas nature scivolema, ke li ŝatas utiligi tion, por kio li pagis, kaj, ke atendante omnibuson, edzinon, aŭ morton, li devas fiksi la okulojn sur ion; do, kial ne sur la unuan linion de via novelo?

Tial oni devas tre zorge atenti pri la komencaj linioj, meti en ilin tutan sian vivfilozofion, sian saĝon, sian komprenon pri la mondo, sian spriton, sian verkistan talenton, sian scion pri la virinoj, unuvorte — sian tutan genion. Kaj se por tio necesos pli ol unu linio, oni povas ja meti iom pli el la suprenomitaj kvalitoj, kvankam ne estas verŝajne, ke la leganto legos ankaŭ la sekvon. Omnibusoj, same kiel edzinoj kaj la morto, estas aferoj, kiuj nepre venas, kelkfoje pli subite ol oni atendas; krom tio, via stilo estas kredeble tiel altkultura, tiom skolastike talenta, tiamaniere esotera kaj neaprezebla de ordinaraj homoj, ke kredeble unu linio sufiĉos. Vere domaĝe, ke la blankaj paĝoj aspektas malbele.

Ĉiuokaze, ne estas eble havi sekvon sen komenco, tial ni konsideru dum mallonga tempo kelkajn komencmanierojn, kiuj povus eble tiri la homojn for de la omnibusoj kaj aliaj tragediaj aferoj.

La modernaj psikologoj diras al ni, ke la plej profunda impulso de la homa vivo estas la seksa, tial estus eble plej sagace tuŝi tiun ĉi temon jam en la legota linio, se eble, per forta, kruda esprimo, kiun tamen oni miksu kun profunda morala hontsento, tiel ke la virtemaj legantoj estu same plaĉataj, kiel la fiuloj. Ekzemple oni povas komenci tiamaniere:

»Lia sango bolis, li sentis sin skurĝata de la hontinda pasio kaj jen... jen... ŝi venis...«

tiel, ke la leganto preskaŭ lasas la omnibuson veni kaj foriri sen atento. Ni konfesu tamen, ke pro la troa analizemo de niaj hodiaŭaj mensoj, la bolado de la sango estas iom malaktuala afero por literaturaj celoj, kaj oni eble faros plej bone la aferon en tiu maliluzia humoro, kiu karakterizas multajn modernajn mensojn, ekzemple jene:

»Dum li kisis ŝin morde pasie, li scivolis, ĉu vere ŝi ŝatas tion, aŭ ĝi estas nur parto de la eterna ludo, kiu de la Pratempo...«

Kaj tiel plu. Kompreneble, multaj asertas, ke denove regos la malnovaj stiloj de la lasta jarcento, tiel ke oni komencos per vortoj, kiuj indikas, ke la leganto povas sin pretigi al longa historio pri granda familio:

»Estis dum iu vintra tago en la jaro 1891, kiam la suno komencis subiri malantaŭ nubaro, nigranta sur la flaveta fono, ke juna rajdisto estis videbla sur la vojo kondukanta en la urbon...«

La avantaĝo de komenco per tia bonekonata frazo estas klara: la leganto tiel jam certe scios la enhavon kaj stilon de la tuta romano kaj ne plu legos, tiel ke vi povas plenigi la ceterajn paĝojn per citaĵoj el la Fundamenta Krestomatio aŭ el la protokolo de via lasta grupkunsido. Tamen la verkistoj estas homoj avidaj je originaleco, kaj preskaŭ certe vi deziras frapi per io nova, tute originala, kion neniam antaŭe oni esprimis en literatura formo. Ĉu jene?

»Kara, mi amas vin! Ĉu ankaŭ vi amas min?«

Per tia sensacia kaj malbanala komenco malfacile estus ne akiri la reputacion de revoluciulo, kaj se vi deziras teni vian oficon kiel membro de Lingva Komitato, bibliotekisto de la loka grupo kaj donacanto de pluraj esperantistaj societoj, estas rekomendinde ne tro ofte provi tian kuraĝaĉan bravecon.

Ekzistas proksimume tri klasoj de komencoj: la frapa, la alloga kaj la scivoliga.

Bonaj ekzemploj de la frapa estas:

»Li tiris sin el la ŝlimo kaj eltiris la dokumenton. Ne! Jes! Eble! Se ŝi scias, kie la trezoro kaŝiĝas...«

Ĉi tiu komenco taŭgas precipe por amrakontoj pri la Pacifikaj insuloj, sed oni povas uzi ĝin ankaŭ por detektivromanoj, por alegorioj kaj legendoj, por infanrakontoj, kaj por felietonoj en la ĵurnaloj.

»Li levis ŝin de la tero per delikataj manoj. Ŝajnis, ke lia pugnobato tamen ne grave vundis ŝin, ĉar ŝi ankoraŭ spiras...«

Tia komenco tuj allogas la legantojn, kiuj amas la fortajn, virecajn, sovaĝajn, kruelajn, krudajn, unuvorte sorĉajn novelojn de fraŭlinoj Dell kaj Hull, aŭ fraŭlino Dulfas-Hell.

La alloga komenco prefere temu pri la rava beleco de la heroino. »Ŝiaj okuloj, verdaj, kiel la stelo sur ŝia brusto, ŝia buŝo, kvankam ne kvinpinta, tamen...« Tamen la allogeco de tia komenco estas sentebla nur de esperantista koro.

La scivoliga devas enhavi samtempe ion el la frapa metodo. Ekzemple: »Li remetis la tason sur la tablon. *Kial* lia edzino metis strikninon en lian teon? Ĉu eble ŝi volas pereigi lin? Certe, oni povus suspekti, ke ŝi ne amas lin tiom, kiom en la tempo, kiam...«

La limoj de loko ne permesas, ke mi pritraktu ĉiujn eblajn metodojn kaj variaĵojn, sed mi nepre devas aludi unu tre bonan, tio estas, tute ne komenci novelon, sed fari anstataŭe utilan, decan kaj honestan laboron.

# La urbanino

– V. M. ŜIŜKOV –

*Represo malpermesita*

a klasĉambron de la lasta licekurso pleniĝis nekutima bruo, kiun ne povis superi eĉ la klaksonoj de la mil aŭtomobiloj, trafikantaj sur la larĝa apudstrato de la miliona metropolo. La liceanoj, preskaŭ maturaj viroj, je hararo zorge kombitaj kaj kun trajtoj rivelantaj estontajn universitatajn studentojn, vigle diskutis progrupe. La diskutobjekto estis efektive grava. Sciigo alvenis, ke oni ŝanĝos la maljunan profesoron de matematiko. Fatale li fariĝis viktimo de aŭtomobilo, kiu frakasis liajn malfortajn krurojn. Ĝis la fino de la lernjaro do, la lasta kurso de la liceo havos novan profesoron, tute nekonatan kaj tio multe maltrankviligis la liceanojn. Ĉu la nova profesoro estos komprenema pri nia situacio? Ĉu ni ne fiaskos kun li en la lastaj tri monatoj de nia liceo studo? Ĉu li kapablos inde anstataŭi nian amatan profesoron, kiu konis ĉiun el ni pli bone ol siajn dek fingrojn? Tiaspecaj estis la demandoj de angoro, kiujn faris al si la malkvietaj junuloj. Ĉar ŝanĝi profesoron, kiam restas nur tri monatoj ĝis la fino de la lernjaro, ĝis la fino de la tuta licestudo, estis reformo almenaŭ praktike nerekomendinda. Sed kion fari — sorto!

Nur Bili Talberg sidis trankvile sur sia benko. Li ne diskutis, ĉar li sciis rezigni pri la pasintaĵoj kaj kuraĝe fronti la estonton. Verdire, la ideo pri ŝanĝo de profesoro ne ĝenis lin. Lernema kaj atentema, li estis unu el la modeloj de la kurso kaj de la tuta liceo. Li nun pensis pri sia vilaĝo, kie loĝas maljunaj gepatroj kaj karaj gefratoj. Li pensis pri la kamparo neplugita, kiu atendis liajn fortajn brakojn. Li pensis pri la du junaj bovidoj, kiuj obeeme tiris la plugilon dum la printempaj brilaj tagoj. Ĉio eksilentis en la klasĉambro. La direktoro eniris kaj sciigante, ke la nova profesoro ekokupos sian oficon nur post la ferio, li bondeziris mildvorte ripozigan libertempon kaj saĝan kondutǫn al siaj lernantoj, liberigis ilin kaj foriris.

— Kiu estos li? demandis sin reciproke la liceanoj kaj forlasis zorgmiene la liceon por ĝui la lastan ferion.

La suno jam kliniĝis al okcidento. Freŝa foliparfuma zefiro karesis la kamparan ebenaĵon. La sunradioj ŝprucis agrablan varmon, kiun la freŝventeta spiro miksis milde kun la odoro de timianoj, kio formis tiun energidonan atmosferon, kian konas nur la senlimaj kamparoj.

— Nu, kamaradoj, sufiĉas la ripozo! Antaŭen!

La bovidoj profunde nazspiregis, kaj kuraĝigitaj, ektrenis la plugilon kun videbla facileco. Bili, ĉar Bili Talberg nomis siajn bovidojn kamaradoj, ekmarŝis post la plugilo kaj rigardis la teron tra inter la plugiltenilo], kiujn li solide tenis. Ĉio marŝis en ordo. Ke estas tiel, montris la geomtrie rektaj terstrioj, kiuj pli kaj pli grandiĝis la kvarangulon elplugitan. Bili estis lerta terkulturisto. Li amis la kamparon kaj ĝian vivon. Kaj ĉu estas pli agrabla pasigo de libertempo aliloke, ol en la kamparo? La liceo neniel okupis lin. Vestita kamparane, li aspektis ankoraŭ pli tiel, lasinte sian barbon de tri tagoj nerazita. Tio ja estas libero kaj ripozo.

La soleco en la kamparo havas la avantaĝon ne esti teda. La laboro absorbas tiom forgesige la agrikulturistojn, ke ili ordinare akompanas ĝin per kantoj, kies enhavo kapablos ensorĉi la plej grizmienajn filozofojn. La kantoj estas ĉu malgajaj, plorpetante la favoron de kruela virinrabisto; ĉu gajaj, laŭdante la bravecon de legenda vilaĝprotektanto; aŭ la ĉarmon de fabela belulino. Ian tiaspecan kanton kantetis Bili kaj nur liaj du bovidoj laŭŝajne aŭskultis lin, pacience plenumante la senvortajn ordonojn de sia mastro.

Sed kia estis lia miro, kaj de la du bovidoj ankaŭ, kiam, fininte unu strofon, manplaŭdo ekaŭdiĝis de malantaŭ la vojdeklivo. Bili haltigis la bovidojn, kaj leviĝante, rigardis al la direkto, de kie venis la manplaŭdo, kiu jam ĉesis. Tuj poste, montris sin virina figuro, kiu amuziĝeme observis la konfuzitan terkulturiston, kies buŝo absolute mutiĝis. Li fikse ekrigardis ŝin. Ŝi proksimiĝis al li senĝene kaj certpaŝe. Kion ŝi serĉas tie ĉi? demandis sin pense Bili, post kelkaj momentoj. Li ne sciis kion fari: eklabori aŭ rigardi ŝin. Eble ŝi ferias tie ĉi. Sed kial tio gravas por mi? Kaj li klopodis eklabori. Li tamen konstatis, ke ŝi, kvankam vestita en laŭmodaj kaj forte elegantaj vestaĵoj, portis laŭ nerezistebla fasono la naivkoloran kaptukon, kian portas la vilaĝaninoj kaj tio ne ĉesis inciti lin. Ŝia rozbruna vizaĝo kaj la akcentitaj reliefformoj de la korpo pensigis al li pri sportulino, kiun apenaŭ liberigis la mallarĝaj kortoj de iu pensiono.

Bili jam vidis multajn knabinojn en la metropolo kaj li sciis, ke oni povas havi kun ili nur efemerajn rilatojn, precipe, kiam oni estas liceano...

Lin laboro atendas kaj ne flirton li serĉas. Kviete li svingis la malglatan longan bastoneton, kaj seriozatente, li ektenis la plugilon, kiun la bovidoj ektrenis gravpaŝe. Revenvoje, Bili rimarkis, ke la knabino ne moviĝis eĉ paŝeton, dume, la ĵusfarita terstrio estis plorige zigzaga. Li reprenis la fortojn kaj ankoraŭ pli serioze daŭrigis la plugadon, sed antaŭ ol li preterpasis ŝin, mildsona voĉo fine rompis la neklarigeblan silenton:

— Kial vi ĉesis kanti? Ĉu vi semas cerealojn? Ĝis kiam vi devas labori?

Al la aro da demandoj Bili respondis per halto. Al li ŝajnis, ke la demandoj enhavas nenian naturecon, estante tro naturaj. Sed, ĉielo, li ja devas liberiĝi de ŝia ĉeesto:

— Sinjorino aŭ fraŭlino, daŭrigu vian vojon! Mi ne disponas pri tempo por babili, li avertis ŝin kolertone.

— Ah, jen ĝentilaj paroloj! Mi rompis mian promenadon por sidiĝi tie, sur la vojdeklivo, kaj aŭskulti vin, venis...

— Sufiĉas! Mi ne plu kantos, foriru! Reordonis li, interrompante ŝin abrupte, kio tremigis la knabinon, siaflanke konfuziĝintan.

Ŝi ne moviĝis, sed post mallonga paŭzo, reakiris la kuraĝon kaj rediris:

— Malofte mi renkontis tian krud-manieran kamparanon. Vi estas eble bonkora vilaĝano, sed evidente vi bezonas iom da kulturo, kiel la grundo, kiun vi plugas.

Ŝia konkludo amuzis lin kaj li emis eĉ ridi. Tion li ne faris pro spito. Li forlasis la plugilon, maljungis la bovidojn kaj rapidpaŝe iris antaŭ ŝin. Iliaj rigardoj, streĉe direktitaj, traboris unu la alian.

— Fine, ĉu vi foriros aŭ ne? insistege li demandis, sed, ĉu pro ŝia apenaŭ perceptebla parfumodoro, eliranta el ŝiaj ondiĝantaj brustoj, ĉu pro ŝia senkulpe sin defendanta duonterurita vizaĝo, subite li trovis sian konduton tro kruela. Li mem ne komprenis kial, subite li sentis ŝian ĉeeston dezirinda. Lin trakuris ia nekomprenebla sento, pro kiu li mallevis la kapon kvazaŭ honthumile. La knabino elflaris ĉi tiun ŝanĝon, levis la kapon, radie triumfante, kaj diris indiferentvoĉe:

— Mi foriros, se al mi tio plaĉas. Ĝis revido, knabo!

Bili perdiĝis ankoraŭ pli, sed baldaŭ li rekonsciiĝis kaj respondis severe:

— Ĝis revido!? Ne, adiaŭ!

— Tute ne, mi restos, kontraŭbate rediris ŝi, rigle frapetante la teron. La junulo kapitulace retiriĝis en silento kaj sidiĝis, turninte dorson al ŝi. Li trovis nenian elirvojon el tiu ĉi pezkreita situacio, rigardante en la malproksimon. Trempita en vagaj meditadoj, li ne sentis la alproksimiĝon de la knabino, kiu ankoraŭ pli silente sidiĝis apud li, ankaŭ turninte la dorson al li.

— Vi ŝajnas ne ŝati virinan ĉeeston, kaj tamen, junulo kiel vi...

Surprize returninte sian kapon kaj vidinte ŝin, li mire konstatis, ke ŝia dorso preskaŭ tuŝas la lian. Por li jam ne ekzistis ĉielo kaj tero, bovidoj kaj plugilo. Lin ekscitis ŝia aroga, sed tre korekta sidmaniero. Li estis kaptonta ŝin, sed ne kuraĝis kaj kolere li venis antaŭ ŝin kaj demandis malespere:

— Sinjorino... Fraŭlino, nu, tio ne gravas kio vi estas, sed diru al mi kion ekzakte vi volas de mi?!

— Ha, ha, ha, perfekte, tio ne gravas. Nenion mi volas. Nu, bubo, ĉu vi ne plu forpelemas min?

— Ĉu vi foriros aŭ ĉu vi restos al mi estas egale. Sed mi ne ŝatas, ke vi diru al mi »bubo«, aŭ »knabo«, ĉar mi povus montri al vi tute la kontraŭon.

— Ho, la »granda sinjoro«! provu, mi volas konvinkiĝi. Mi supozas, ke vi sufiĉe elmontris al mi vian bubecon. Jen, unu horon vi uzis por diri al mi malagrablaĵojn.

La toleron de Bili ree forvipis la provokaj vortoj de tiu knabino. Li volis venĝe pruvi, ke li estas io pli ol bubo.

Malrapide li klinis sin al ŝi kaj ĉirkaŭbrakante ŝin firme, li ekkriis:

— Ĉu mi estas bubo?

— Kiel vi kuraĝas? Lasu min aŭ mi krios!

Ŝi ne havis tempon krii kaj kiom helpus tio!? La silentan kamparon ekregis la paca invado de la krepusko. La mola krakado de la freŝa herbo, kiun la bovidoj senzorge maĉis apenaŭ rompis la silenton. La krepusko etendis siajn flugilojn sur la varmetan kamparon, kaj en la malproksima okcidento, malfruiĝintaj kuprokoloraj sunradioj persiste defendis la lastan sopiron de la estingiĝanta tago... feria.

La freŝa vesperaero vekis Bili'n, nur Bili'n. Apud si, helpe de la lunlumo, li trovis papereton, sur kiu li legis je la brilo de ekfumita cigaredo:

»Adiaŭ, granda knabo! Vi ne plu vidos min.

La urbanino.«

La klasĉambro, kiel post ĉiu ferio, havis novan aspekton. La liceanoj trankvile, sed nervstreĉite, atendis la novan profesoron de matematiko. La pordo malfermiĝis, la silento ĉesigis la spirojn. Gracia juna virino, kun la taĝurnalo sub la brako, eniris la klasĉambron kaj tre serioze okupis la katedron.

Bili, konsternite, rigardis per larĝe malfermitaj okuloj kaj ne kredis tiun realecon, kiu ĉion renversis. La urbanino... lia profesorino!

La morgaŭan tagon, li petis la licedirektoron, ke li transigu lin en alian liceon pro tre gravaj personaj kaŭzoj...

... kies sekreton konis eble nur la du bravaj bovidoj, tie, en la vastaj vilaĝaj kamparoj.

# Poemoj

**F. Clark Stillmann**

## Momenton eksilentu

Eksilentu en la domo —
kion eblas diri nun!
Sen portanto restis nomo —
mutu do por miri nun.

Jen ĉi tie sinjorino —
kial do paroli plu?
Ŝi kun sonspiraĵa sino
ja ne povas voli plu.

La branĉombroj tra l' fenestro
vane venas streki ŝin,
la matena birdorkestro
vane volas veki ŝin.

Ŝin ni portos al tombejo —
ŝi ne volus resti jam
kaj la vivo post la veo
ree volas festi jam.

## Por feliĉa tago

Mi iris malĝoje
jam tagon post tago,
ĝemspiris multfoje
sen ia ajn ago.

Sed jen, ĉar mi konas
nun vin, en ĉi tago
mi scias, ke bonas
ĝemspiri sen ago.

## Facila amo

Ĝoju pro tio,
kisu pro tio,
ĉion ja scios
ni solaj, kaj Dio.

Lasu singardon,
cedu singardon,
donu donacon
kaj pli ol rigardon.

Ridu tutkore,
ploru tutkore,
ĵuros ni amon
momente kaj hore.

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

C. R. kaj S. S. Eindhoven (Nederlando). *Ne vi estas la solaj, kiuj interesiĝas pri mia mondpercepto kaj volas penetri per scivolaj rigardoj en la fundon de mia animo. Tre multon vi postulas de mi. Minimume dudek demandoj atendas respondon en viaj leteroj. Kiu estas mi? Kian mondpercepton mi havas? Ĉu vi travivis la okazintajon, priskribitajn en la verkoj? Ktp. ktp. Kial vi fariĝis esperantisto?*

*Karaj, neeb'e respondi je ĉiu demando. Hodiaŭ kontentiĝu per la suba konciza skribajo.*

*Mi estas pli ol simpla homo: mi estas* — erarema homo. *La simpla homo ne ĉiam konscias pri siaj eraroj. Mi — bedaŭrinde! — jes. Kion fari? Korekti la erarojn! Jen mia vivo: mi korektas ĉiam miajn erarojn kaj intertempe mi faras novajn mispaŝojn. Kredu min, tio ĉi ne estas agrabla. Estas preskaŭ superforta nervostreĉo kaj konstanta batalo kontraŭ la nevenkebla io, kio difinas la homajn agojn. La malespero pri mi kaj la observo de la Vivo kreis en mi tiun mondpercepton, kiu konsolas min en la krizaj horoj. Pro tio, ĉar vin interesas pleje tiu ĉi konsolfonto de mia vivo, mi klopodos resume envortigi la gvidsenton: la mondpercepton.*

*La* Kreanta Vivo *knedis sian spiriton en la materion kaj fariĝinte sklavo de sia propra kreitajo nun neas sin mem. Jen la tragedio de la* Diideo.

*La* Spirito, *katenita en la materio, ekkonscias pri sia sklaveco kaj detruante la harmonion de la materio kreas — disharmonion. Jen la tragedio de la vekiĝinta* Konscio.

*La baraktanta Spirito serĉas vojon por liberiĝi, volas suverene estri la materion kaj ĉiam vojeraras en la labirinto, konstruita de ĝi mem. Jen la tragedio de la* Homo.

*En la purgatorio de la haoso la Spirito rekonas sian dividitecon, vidas la erarojn de la pasinteco, sentas la neporteblan pezon de tradicioj kaj dogmoj. Ĝi meditas do:* por rekoni min estas necese profunde scii la leĝaron de la tuta universo, ĉar ĝia tuto formas min kompleta senmanka... *kaj la Spirito ekiras serĉi novajn vojojn. El la fora malproksimo kuraĝige brilas al ĝi — la fajrero de la* Espero.

*Sinpelado, batalo, intrigo, sinakuzo. Ĉiu vojo estas longa, laciga, ofte sengmakulita. La Spirito skurĝas la materion (sian propran nestokorpon), vipas sin por senhalte iri antaŭen. La interesoj de la Spirito kaj Ventro kunpuŝiĝas. Furiozas la batalemo de la homo. Periode aperantaj krizoj formas la mejtoŝtonojn de la postlasita vojo, sed la Spirito neniam dubas pri la venko. Ĝia refreŝiga nutro estas la Kredo kaj Ĝia viviga elemento estas la Laboro... kaj la Spirito trovas novan vojon:* konscia kunlaboro kun la Kreanta Vivo por la ĉiama perfektiĝo. *Iom post iom la homoj ekiros sur la trovita vojo kaj ne lasos reteni sin de la dubantoj. Ili fariĝos* kunlaborantoj *en la senlima metiejo de la Kreanta Vivo. Jen la komenco de la* nova mondokreado.

*La Diideo, kiun enterigis la neado, triumfe reviviĝos. En la lumo de la pliperfektiĝinta Spirito Ĝi fariĝos preskaŭ reale difinebla. La nova vivo baziĝos sur firma kredo pri la Kreanta Vivo kaj sur la sentradicia evoluanta Scio. Tiamaniere liberiĝos la Spirito el la katenoj de la materio kaj eraroj, ĝis fine fariĝos la homo —* nova Homo.

*Jen mia mondpercepto. En tiu ĉi vi povas facile retrovi li respondajn motivojn pri »kial mi fariĝis esperantisto, kial mi laboras por ĝia literaturo, kial mi amas la homojn kaj kial mi kelkfoje vipas ilin?«*

*Karaj, se vin ne kontentigos mia respondo, rigardu en la profundon de via animo kaj certe vi trovos tiun nepriskribeblan senton, kiu donacos al vi la necesan forton energie batali plu por la komuna celo de la Homaro en la mondo, kie regas la reciprokeco.*

*RENKONTO AL LA PRINTEMPO*

*Jen, jen! La printempaj radioj penetras en mian ĉambron. La flirta lumo sorĉas oran kadron al la bildoj sur la muroj. Ho, benata printempo, mi malfermas mian koron al vi. Varme karesu la vundojn! Mi havas sufiĉe da ili. Verŝu la balzamajn gutetojn de la rememoroj! Donu al mi kredon en la haoso de la seniluziiĝoj, ĉar — mi sentas — la Vivo volas prirabi, finmueli min! Rejunigu mian animon, por ke denove mi povu kredi en la rideto simpation, en la manpremo amikecon kaj en la vortoj koran sincerecon! Printempo, via fanatika amanto petegas rebaptadon de vi.*

*Kiel obstine vi silentas!... Jes, mi komprenas. Tiom ofte mi koketadis al la aŭtuno, ke pro ĵaluzo vi lasas min sen konsolo. Nur al la bildoj sur la muroj, nur al la rememoroj vi donacas oran kadron, sed ne al mia sopirsoifa animo. Vane mi staras en la lumgarbo, la suna tiklo evitas mian koron kaj mi devas vidi la agoniadon de la junaĝaj sopiroj, celdifinoj. La kampo, kiel flora tapiŝo, etendiĝas antaŭ mi, sed mi ne plu sentas la odoron kaj la kolorpompo ŝajnas al mi griza unutoneco... Kruela puno!...*

*Iam vi donacis al mi revojn kaj hodiaŭ vi montras monstran vizaĝon. La odoron vi aĉetas en la drogejo, la koloron vi ŝminkas sur vin, via rideto maskas malesperon kaj via ĉarmo, kiel embusko, atendas viktimojn... Iam ne tiel estis! Vagante sur la floraj kampoj vi radiis* firman kredon *al mi, inspiris per revoj, dotis min per revoj, dotis min per idealismo kaj plenigis mian animon per noblaj aspiroj. Printempo, kial vi ŝanĝis vian vizaĝon? Kial vi sekvas la tutmondan modon — la nuran profitemon?*

*Obstine vi silentas. Parolu do!... Senkulpigu vin!... Ĉu vi aŭdas, printempo? Almenaŭ per mensogo mistifiku min!... Vi silentas, sed nun mi jam komprenas vian mutecon. Ho, malfeliĉa printempo, ankaŭ vin prirabis la Vivo. Ĝi prenis de vi viajn gemojn kaj ornamis vin per artefariteco. Malfeliĉa printempo, ci senhava almozulo, kion vi povus ja donaci al la juna generacio,*



**B. Göndör** *Periferio*

*kiam vi mem povas vidi vian pasintan gloron, vian puran naivecon nur en la rememoroj de vivovunditaj formortantoj. Mi komprenas vin, almozula printempo, kaj sincere mi kompatas vin.*

*Venu kun mi, printempo, mi kondukos vin al la fonto de la Konsolo. Malsekigu viajn lipojn, febrotrančitajn de la soifo!... Rigardu, kiel brilas tiu ĉi kristalpura fonto! Ĉu vi scias, kio estas tio ĉi? Larmofonto, kies ĉiu guteto devenas el dolĉa doloro de amantaj koroj.. La homa boneco, la eterna sopiro pri nobla belo elvokis ĉiun guteton el la profundo... Kion vi diras? Ne ekzistas homa boneco. Ĉu? Kaj tion asertas vi, printempo?! Ho, malfeliĉa printempo, nun mi jam povas plene kompreni, ke la hodiaŭa junularo trovas sur viaj kampoj nur artefaritajn rozojn kun realaj dornoj, ke post la ŝtelita kiso naŭzas la drogejodoro, ke la okulparoj ne la animprofundon sondas, sed ili penas diveni la enhavon de la poŝfundoj... Foriru de mi, almozula printempo! Viaj koloraj ĉifonoj mensogas, ĉar vi ne havas plu kredon pri* reakiro de la gemoj perditaj.

*Longe mi rigardas la sunan kadron de la bildoj, la flirtan lumon ĉirkaŭ mi kaj starante en la lumgarbo de la radioj mi rememoras pri mia fileto, kiu nun staras ĉe la sojlo de sia printempo... Kion mi povas doni al li, se mem la printempo estas prirabita kaj almozula... Nur sincerajn aŭtunajn larmojn. Eble li iam retrovos inter ili la printempon de sia patro kaj... Ne! Malprudenta deziro! Lia kompreno disigus lin de tiu mondo, kiu ne konos plu naivan ĝojon, korkaresan idealismon... Kaj tiel estos bone!*

---

## KANTO DE FORIRANTOJ

**— F. SZILÁGYI —**

Vi diras: viv'; ni diras: mort'.
Bonŝancon havas nur abort'.
Al ni flutetas sibla gaso,
Al ni tamburas ostfrakaso,
Nia esper': la tomb-amaso.
Vi diras: sort', kaj ni: perfort'.
Turmenta vort'!

En via gorĝ': envia tim'.
Ni adiaŭas ĉe la lim'.
Ni adiaŭas. Nura vero:
La revo apud revolvero.
Nokto de l' ŝnuro. Kis' de l' fero.
En via gorĝ': tremanta tim':
Ho savu min!

Ne estas sonĝ', ne estas am',
Ne estas kred', ne estas flam',
Nek rid', nek spito, nek malĝojo,
Nek mizer', nek senfina vojo,
Nek kantĉifon', nek plor', nek bojo,
Ne estas sonĝ' ne estas am',
Sole — cian'.

Ne estas krim', ne estas ŝlim',
Ne estas splen', ne estas tim',
Falas nun sun' kun plora muĝo,
Nia korsango: la lasta ruĝo,
Svenas la mar', finkiso — fuĝo.
La mond' ektremas: lasta tim'...
Ho, venas jam la lasta rim'.

---

## VETERANO DEVJATNIN



La unuan de julio okazos la 40-jara jubileo literatura de unu el la plej malnovaj esp-istoj, samtempulo kaj fidela kunlaboranto de Zamenhof, poeto V. N. Devjatnin.

*Vasilij Nikolajeviĉ Devjatnin* (nask. en 1862), pasigis sian infanecon en la sovaĝa Orlova regiono. Poste li venis al Kiev, kaj fininte tie siajn studojn, fariĝis instruisto de la latina kaj rusa literaturoj, en Kievo, poste en Vilno.

Antaŭe li estis volapukisto. En 1891 li ekkonis Esperanton, kaj tuj fariĝis ĝia entuziasma adepto. Post unumonata studado li jam povis traduki la poemon de *Lermontov: Anĝelo.* Ĝi estis presita en la julia numero de la »Esperantisto«. De nun *D.* fariĝis konstanta korespondanto, poste persona konato, kaj ankaŭ amiko de Zamenhof.

Sekvis tre fruktodona periodo. Devjatnin fervore partoprenis en la verkado de la *Fundamenta Krestomatio*, kun versajoj originalaj kaj tradukitaj, kaj kun la originala rakonto *Arturo.* Baldaŭ poste li eldonis la grandan poemon de *Lermontov: »Demono«;* iom poste li tradukis verkojn de Puŝkin: *Poltava, Boris Godunov, Ruslano kaj Ludmila,* kaj multajn aliajn poemojn rusajn kaj alilingvajn. Krome verkis la komediojn originalajn: *»Edziĝo«* kaj *»Nefinita Dramo«* kaj rakonton en versoj: *»Nevola mortiginto«*, multajn versaĵojn originalajn ktp.

El ili speciale notinda estas la »Nevola mortiginto« (1894), kiel la *unua originala poemo en Esperanto.*

La interesajn komplikajojn pri la eldono de la »Demono« jene rakontas Devjatnin mem:

»Tradukinte ĝin, mi volis ĝin presigi en Vilno, sed la presisto bezonis la permeson de la cenzuro. Do, mi iris al la Vilna cenzuristo, por ke li trarigardu mian manuskripton, kaj donu la permeson. Sed li ne estis tro afabla kaj diris, ke li ne scias, kio, kaj en kia lingvo estas skribita en mia manuskripto. Nun mi petis, ke li donu al mi la rifuzon skribe, kaj ĉi tiun respondon kun la petskribo mi sendis al la Peterburga Centra Cenzura Komitato. Pasis ok monatoj, ĝis mi, post longaj klopodoj de la tieaj esp-istoj, ricevis fine la petitan permeson, kun esperanta letero de nekonato Krivoŝ, kiu sciigis min, ke lin, kiel oficiston de la Centra Cenzuro, oni ordonis ellerni Esp-on, por ke li povu tralegi mian tradukon. Kaj la Vilna cenzuristo, transdoninte al mi ĉi tiun skribon, ankaŭ ekinteresiĝis, kaj petis min pri informoj. Tiamaniere, mia traduko de »Demono« akiris du adeptojn al Esperanto inter la oficistaro.«

En ĉi tiu tempo eldonis *Hachette* la unuan volumon de la *Plena Verkaro* de Devjatnin. (II. vol. eld. Vejsbrut Peterburg, III. vol. Saharov Moskvo, IV. vol. Tener Kovno.) Unu poemo de Devjatnin aperis ankaŭ en la volumo »Liro«, redaktita de Grabovski.

Transloĝiĝinte al Moskvo, Devjatnin partoprenis en la redaktado de la »Ondo de Esperanto«, verkis lernolibron: »Esperanto en 10 lecionoj« kaj — por la rusa jurnalo »Vokrug Sveta« plenan lernolibron, presitan en 50.000 ekzempleroj, senpage aldonitaj por abonantoj. La sama lernolibro aperis ankaŭ kun brajlaj literoj por blinduloj.

Samtempe aperis de li tri teatrajoj en unu volumo: *Instruita mimikisto, Frenezulo* kaj *Uniformo.*

La *Unuan Universalan Kongreson* ĉiuj tiamaj veraj esp-istoj atendis kun espero, kaj samtempe kun granda timo. Sed pri tio parolu mem Devjatnin:

»Du, aŭ tri monatojn antaŭ la Kongreso mi vizitis dron Zamenhof. Lia unua frazo estis:

— Kion vi opinias pri nia kongreso?

Mi respondis, ke mi timas ĝin.

— Ankaŭ mi! — diris la Majstro ĝemspire — la ekzemplo de Volapuk min timigas.

La saman antaŭtimon havis la plejmulto de la samideanoj: oni ja scias, ke Volapuk finis sian okjaran vivon per memmortigo, ĉar en la tria (kaj lasta) volapuka kongreso (en München) la volapukistoj mem anoncis, ke Volapuk ne estas vivkapabla kaj la tuta Nürberga Klubo de Volapukistoj transiris al Esp-o. Ĉu nin eble atendos la samo, se la diverslingvaj adeptoj ne komprenos unu la alian? Kaj eĉ pli malĝoja sorto: ni ne havos pretan lingvon por transiri al ĝi post la pereo de Esp-o.

Feliĉe, la timo estis vana. Kiam ni eniris la akceptejon, kaj ni estis ĉirkaŭataj de kelkaj centoj da diversnaciaj, diverslingvaj, eĉ diverskoloraj kongresanoj, vigle kaj flue babilantaj inter si en komuna lingvo, kiam de ĉiuj flankoj ni ekaŭdis fratajn salutojn — ni tute forgesis la malbenitan diverslingvecon, kaj eksentis nin efektive en *unu granda rondo familia.* Kaj nur tiam ni komprenis la ĝustan, neesprimeble gravan signifon de Esp-o por la homaro.

Ĉiuj ceteraj kongresoj estis similaj al la unua, sed neniu el ili estis tiel impresa, tiel frapanta, kiel la Bulonja kongreso.«

En 1905 Devjatnin estis elektita Lingva-Komitatano.

Post multflanka agado en Moskvo kaj Kovno, en 1911 li veturis al la Antwerpena kongreso kaj gajnis tie en Literatura Konkurso la unuan premion per sia poemo *Narcizo.*

El Antwerpen, laŭ la invito de generalo Sebert li iris Parizon kaj restis tie dum unu jaro, vigle partoprenante en la tiea esp-a vivo. Tiutempe en Parizo ekzistis du esp-aj partioj: la aristokrata, iom reformema, gvidata de prof. Bourlet kaj generalo Sebert kaj la fundamentista laborista, kiun gvidis prof. Cart. La du grupoj estis en konstanta malpaco inter si, sed Devjatnin, kvankam lin pli allogis la grupo de Cart, scipovis konservi bonajn rilatojn kun ambaŭ kaj gvidis kursojn en multaj partoj de Parizo. En Parizo li eldonis la malgrandan ĵurnalon *Etulo* (en formo de poŝtkarto) kaj aperigis en ĝi la poemon *Katerino,* tradukitan el la fama ukraina poeto *Taras Ŝevĉenko.*

En 1912, oni preparis la 25-jaran jubileon de Esperanto dum la VIII. Universala (Jubilea) Kongreso en Krakovo. Kaj jen, Devjatnin decidis entrepreni propagandan piedvojaĝon el Parizo Krakovon. Lian planon oni akceptis kun duba rido kaj mokoj, kiam li rakontis ĝin en la Sorbona kunveno. Tamen troviĝis kelkaj junuloj, kiuj anoncis sin por kunvojaĝo. El la naŭ anoncantoj cetere restis nur unu ĉe la komenco de la vojaĝo: *Roman* (turko), la ceteraj malaperis. La propaganda piedvojaĝo daŭris 42 tagojn kaj havis grandan propagandan signifon por tri landoj (Francujo, Germanujo kaj Aŭstrujo). La rimarkinda marŝo estas detale priskribita en aparta lingvo (eldonita en München, 1913.)

Dum la kongreso Devjatnin gajnis literaturan premion per sia poemo *Kriŝna* (hinda legendo).

Post la kongreso li veturis al München, kaj laboris tie pri tre interesa entrepreno: *Parkurbo Esperanto.* Ĝi estis projekto de bankiero *Schuler:* konstrui apud München esp-an urbon sub tiu ĉi nomo. Kun *Schlaf,* rajtigito de Schuler, li laboris tie preskaŭ du jarojn, gvidante la esp-ajn aferojn de la Parkurbo. Bedaŭrinde Schlaf baldaŭ mortis kaj liaj heredantoj tute diskreditigis la entreprenon per diversaj falsajoj; la Oficejo disiĝis. Devjatnin nun vojaĝis al Leipzig por labori tie en la Esp-a Instituto. Tie ĉi li verkis la utilajn libretojn: *Elementa Esperanta Sintakso* kaj *Esperanta Afiksaro,* kaj tradukis la kvinaktan dramon: *Reĝo Judea* de *K. R.*

En 1914 estis okazonta la Pariza kongreso, kiu promesis esti eksterordinare granda kaj speciale interesa. Devjatnin ekveturis al la kongreso. Sed nokte la vagonaro estis haltigita, ĉiuj al-Parizaj vojaĝantoj estis arestitaj kaj per longaj flankvojoj oni resendis ilin al Leipzig.

Eksplodis la mondmilito. Devjatnin fariĝis kaptito en malgranda urbeto Trannstein apud Leipzig, kaj restis tie kvar jarojn. Sed nur la unua jaro estis por li ŝarĝa, poste li okupis sin pri sia amata afero: propagando, kursogvido. Por tio li havis apartan ĉambron, senkontrolan eliron, eĉ al München, kaj poste, por lecionoj donitaj al germanaj suboficiroj, eĉ salajron (50 markojn monate).

En 1918 li liberiĝis per la interŝanĝo de kaptitoj, veturis Petrogradon. De tiam senĉese li laboris por esperanto, gvidis kursojn, estris societojn, vigle partoprenis en la esp-a vivo ĉiurilate. En 1921. la societo *Espero* organizis lian 30-jaran jubileon, dum kiu li ricevis multajn gratulojn, esp-ajn bondezirojn kaj donacojn. En 1922 li estis grave malsana (pro troa laciĝo) kaj tiam lia filo prenis sin al si en Kiev. Tie post la resaniĝo li rekomencis lian mirinde aktivan agadon.



B. Göndör *Strato*

Nuntempe li loĝas en Kiev, laborante en la Kieva Vegetara Asocio. Lasttempe li ricevis inviton de la Kieva Kinofabriko *VUFKU* por partopreni kiel kinoaktoro en granda filmo el la vivo de la Donbasa laboristaro. Tiucele li forveturis por kelka tempo en la Donbasajn karbminejojn kun trupo de kinoartistoj. Tiamaniere ni havos la okazon post kelka tempo ekvidi nian eminentan verkiston sur la ekrano de la kinoteatroj.

Ĉi tiu 70-jara eminenta pioniro de la esp-a movado estas plena de juna entuziasmo kaj estas ĉiam bonkora, gaja bonhumora. Pluraj generacioj de l' tutmonda espistaro salutas lin tutkore el ĉiuj mondpartoj. Longe vivu V. N. Devjatnin, kiu plenrajte meritas la honoran nomon »nia Esperanta Avo«, meritplena esp-a veterano.

P. S. Dum nia interparolo li interalie diris, ke li ne havas eĉ unu presitan linion el siaj verkoj kaj tial li egepetas kaj kore antaŭdankas ĉiujn samideanojn, kiuj — kiel plej dezirindajn jubileajn donacojn — povus sendi al li iun el liaj verkoj, sendu ĝin al la adreso: D. V. Ĉehoviĉ, Kiev, Klovski Spusk 2. USSR. — por ke, kiel li diris: »la botisto ne estu sen botoj«.

*D. V. Ĉehoviĉ.*

# DISKUTO

## Kelkaj vortoj pri la »originala manio«

Kun ĝojplena interesiĝo mi legis la artikolon de s-ro Lejzerowicz en la lasta numero de L. M. Apenaŭ mi volis kredi al miaj okuloj: ĉu vere jam alvenis la tempo, ke en Esperantolando oni diru malkaŝe sian opinion, sendepende de personaj interrilatoj kaj negocaj interesoj? La artikolo temas pri tre grava kaj interesa problemo: originala aŭ tradukita literaturo?

La ekziston de la »originala manio« pruvas nekontesteblaj faktoj, mi mencias nur, ke la nova ĉefredaktoro de unu el niaj plej fortaj naciaj gazetoj pro tiel nomitaj »principaj motivoj« aperigas nur originalajojn, ke bonaj tradukoj de valoraj verkoj ne povas aperi, ĉar la loko plenas de dubvaloraj originalajoj!

Tamen mi devas kontraŭdiri la ĉefan tendencon de la artikolo de s-ro Lejzerowicz, tendencon akre malamikan al la originala literaturo. Mi ne kredas, ke ni »ludas«, kreante originalan literaturon. Ĉiu lingvo, kiu vivas, produktas por si literaturon. Kontraŭ tio nenio helpas, tio pruvas la vivkapablon de la lingvo, eĉ, tute ne estas io »eksterminda«. Ankaŭ tion mi ne komprenas, kial la espista vivo ne povus doni temon al niaj romanverkistoj? Espistoj ja vivas, interrilatiĝas, ĉu tio ne povas samrajte inspiri verkiston, kiel la vivo de aliaj homoj? Kaj ĉu estas neeble imagi, ke iu verkisto esperante skribu sian libron destinatan por internacia publiko? Estas vere, ke ne ekzistas esperanta nacio, tio eĉ estas malbezonata, sed ĉu estas kontesteble, ke ekzistas internacia spirita vivo, en kiu trovas lokon verkoj parolantaj al pli larĝa publiko, ol tiu de unu nacio? Mi pensas, ke la ĉirilataj argumentoj de s-ro Lejzerowicz estas esence eraraj.

Sed en la sana evoluo de nia literaturo tiam estiĝas »originala manio«, kiam pro originalajoj oni neglektas, eĉ malhelpas la floradon de la traduka arto, kvankam ĝi havas almenaŭ samsignifan taskon en la evoluo de nia lingvo kaj literaturo. La evoluo kaj riĉiĝo de l' lingvo okazas per bonaj libroj. Kompreneble en tiu ĉi laboro partoprenas ankaŭ la originala literaturo, sed ne en tiom signifa mezuro. La originala verkisto pensas esperante, kiam li prilaboras sian verkon (ĉi tion rekonos ĉiu, kiu iom verkis jam en Esperanto), li do laboras per la lingvomaterialo jam ekzistanta, la fantazio senintence kaj subkonscie serĉos la plej facilan vojon por doni formon al la penso, do la originala verkisto — krom neologaj vortoj — ne multon aldonos al la jam ekzistanta. El la vidpunkto de l' lingvoevoluo la tradukanto estas p l i  k r e a n t a artisto, ol la originala verkisto. Li ne povas kontentiĝi per simpla evito de l' malfacilaĵo: se io mankas el la lingvomaterialo, li devas ĝin krei. La tradukanto estas la fanatika ministo, kiu rabminas por ni la plej brilajn juvelojn de l' naciaj lingvoj.

Ankaŭ tio estas fakto, ke laŭ la nuna stato ni havas pli da ŝanco trovi bonnivelan verkon inter la tradukotaj libroj, ol inter la originalajoj. La kaŭzo: oni povas facile nombri sur la fingro de unu mano tiujn originalajn verkistojn, kiuj estas tiel talentaj, ke ili estus povintaj fari karieron en siaj naciaj lingvoj. Kontraŭe: por la tradukantoj tie estas la ĉefverkoj de la naciaj literaturoj. La propagandistoj de la o r i g i n a l a j serioj, o r i g i n a l a j numeroj ŝajnas tute forgesi, ke nia lingvo havas m i s i o n: la peradon de la trezoroj de l'naciaj kulturoj; la malkovron de la literaturoj de l'malgrandaj nacioj, kies lingvo — pro la mallarĝa disvastiĝo — malhelpas la internacian validiĝon de siaj verkistoj.

Kontraŭ miaj argumentoj la espista eldonisto diros, ke oni ne povas eldoni tradukajojn, se la publiko ne aĉetas ilin. La ĉefa kaŭzo de tiu ĉi malfavoro — laŭ mia opinio — estas, ke inter la ĝis nun aperintaj tradukitaj libroj nur malmultaj troviĝis, kies lingva stilo atingis artan perfektecon. Ankaŭ neĝuste estis elektitaj la tradukendaj verkoj: ili estis aŭ jam trokonataj, en multaj naciaj lingvoj jam eldonitaj, aŭ ilia literatura valoro estis proksima al nulo. Oni povas kompreni, se por la multaj tri, ses, ok noveloj la publiko ne donas monon. Mi estas certa, se ĉiu tradukita libro en literatura valoro kaj arta lingvo atingus ekzemple (se mi licas mencii nomon) la nivelon de »Cikonikalifo«, ankaŭ la tradukitaj libroj trovus aĉetantojn.

Krome ni ne forgesu, ke la gusto kaj aĉetemo de l' publiko estas tre influebla per la reklamo. Dum la eldonistoj plendas, ke la tradukajoj ne vendeblas, per la sugesto de l' reklamoj ili mem formas la opinion de l'publiko kontraŭa al la tradukarto.

Do ni ne ataku la originalan literaturon, sed batalu por egalranga vivrajto de la traduka arto. Ni serĉu la bonajn librojn kaj ekstermu la malbonajn, ni ne toleru ilin nur pro tio, ĉar ili estas originale verkitaj. Nia literaturo jam elkreskis el la infanŝuoj! Estus degrado de la juĝokapablo kaj gusto de l' leganto, se li devus ĝui libron, kiun, se ĝi estus nacilingve verkita, li certe forĵetus. For la diletantismon!

*Ludoviko Totsche.*

## Lici, darfi, durfi

De kiam sur la paĝoj de Literatura Mondo aperis la vorto *lici*, ni ricevis plurajn leterojn, parte aprobajn, parte riproĉajn, eĉ minacajn. Ĉar al ĉiuj ni ne povas respondi aparte, mi nun ĵetas la temon sur la arenon de la Diskuto. Venu publika batalo!

Oni certe sentas la mankon de mallonga vorto por la esprimo: *estas permesate.* Oni ja uzas kelkfoje anstataŭ ĝi la verbon *devi*, sed tio ja havas alian sencon. *Vi devas eniri* estas certe tute alia ol *estas permesate, ke vi eniru.* Same *mi ne devas eniri* ne identas al *estas malpermesate al mi eniri.* Kelkfoje oni uzas la esprimon *devas ne*, ekzemple: *infano devas ne legi tiajn librojn;* kaj teorie oni povus uzi eĉ la vorton *maldevas*, ĉar malpermeso estas la malo de devigo. Sed ĉi tiuj formoj tamen ŝajnas nekutimaj, kaj krome solvas nur la nean formon, por la jesa mankas mallonga esprimo.

Lastatempe, tie kaj tie ĉi levas sian kapon vorto, kies enradikiĝo vere estus por mi ĉagreno. Ĝi estas *darfi.* Feliĉe, ĉe tre kompetentaj vortaristoj mi ne vidas grandan simpation por la vorto, ĝi mankas ekzemple en la vortaro de *Wüster* kaj en la vortaro de SAT. Kaj ĉe Bennemann mi trovas *durfi*, do du vortoj interbatalas. Ni esperu ke en ĉi tiu batalo venkos el la du vortoj — la tria.

Ĉi tiu tria estas *lici.*

Du grandaj argumentoj pledas por *lici* kaj kontraŭ *darfi-durfi.*

Unue, la internacieco. Durfi-darfi estus pure germana radiko, dum la internacieco de lici estas vere frap-

anta. Jen ekzemple lic-radikoj en la anglaj: *licensable, license, licensee, licenser, licentious, licit;* en la francaj: *licence, licentieux, licite;* en la hispana: *licencia,* en la itala: *licenza, licenzia licenziose, licitezza, licito, licere;* en la rumanaj: *licenta, licentia.* Kaj jen la germana *Lizenz.* Kaj ĉu mi menciu ankoraŭ la latinan terminon tre konatan: *poetica licentia?* Kaj la esperantan *licencon* (Verax)?

Due, *darfi-durfi* sonas konvene en la germana lingvo, sed ĝia sono estas ege kontraŭa al la sonspirito de Esperanto, kiu estas ĉefe romana. Laŭ mia opinio oni *licas* preni el la germanaj kaj slavaj lingvoj nur tiajn radikojn, kiuj harmonias kun tiu ĉi sonspirito. *Darfi* min efikas ĉiam, kvazaŭ dornopiko. Sed ekzemple la germana *bunta* estus tre bonsonora Esperanta vorto.

Krome ankaŭ por la poetoj *l.ci* estas pri oportuna, havante rimkunulojn: vico, malico, kaprico, spico ktp., dum darfi, aŭ durfi staras tute orfe en la rimaro.

La sola argumento de la »darfistoj« povas esti, ke »darfi« jam estas uzata. Anemia argumento! Neoficialigita vorto neniam povas esti certe pri sia vivo. Grabovski uzis ĉiam la vorton »konkiri«, nun ĝi falis en duelo kontraŭ »konkeri« kaj neniu lamentas pri tio. Mi esperas, ke la verkistoj, kiuj uzis ĝis nun la vorton *darfi,* ne persistos pro nura obstino kontraŭ la vorto *lici,* kiun, mi estas konvinkiĝinta, ankaŭ ili devas trovi pri bela, pli internacia, pli oportuna, sed ekĝojos pri ĝi kaj plezure uzos ĝin.

Cetere, ni atendas kun bonaj esperoj la opiniojn de niaj legantoj.

*Ludoviko Totsche.*

## Esperanta elparolo

Pri la unua parto de la artikolo de K. Kalocsay en L. M. (Januaro) oni povas multe konsenti, sed kiam via kun-Ĉefredaktoro fariĝas regulfaranto, tiam oni volas forte malkonsenti.

Liaj reguloj pri »duonfermiteco« estas tute kontraŭaj al la akcepta metodo de espistoj ke ĉiu vokalo estas malfermita. Notinde estas ke kelkaj hungaroj (laŭ raportoj de revenintaj espistoj) tendencas elparoli la vokalojn ferme aŭ duondunferme, kun rezulto tute ne belsona. Ankaŭ, pro tio ke la Kalocsay-aj reguloj de »duonfermiteco« estas kontraŭ la sento kaj spirito de esperanta elparolado, necesas aldoni al ili kelkajn esceptojn. Ĉu tio ne sugestas al S-ro. Kalocsay ke li eraras?

Se la vokaloj estas elparolataj malferme, ne gravas, ĉu ili estas longaj, mallongaj aŭ mezlongaj. La longecon diktos la kunteksto mem. Ripozeto ĉe la akcentita silabo kun svingo al la proksima akcentita silabo estas konsilinda, precipe por publika parolado kaj deklamado. Sed troigata svingado en privata konversacio, kape ĉe kape, estus ridinda. Cetere, en maloftaj vortoj kiel *finno, regatto,* oni devas elparoli ambaŭ konsonantojn, ekz. *fin-no, regat-to,* samkiel la Italoj faras en sia bela, suda, latina lingvo.

Alia punkto. Pritraktinte la laŭdire Zamenhofan trorapidan, malmulte akcentitan elparolon, Sro. Kalocsay diras: »Kiom pli, se tiel parolus ekzemple Aŭstralia samideano!« Ĉu Sro. Kalocsay eble lastatempe legis tro laŭvorte tradukitan raporton el anglaj jurnaloj ke aŭstralianoj parolas la anglan lingvon preskaŭ »sen akcento«? Sro. Kalocsay devus scii ke en la angla lingvo la vorto 'accent' havas du malsamajn signifojn, (1) = akcento, kiel en Esp. kaj (2) = parolmaniero, kiu distingas skoton de anglo, oxfordanon de londonano k. t. p. En la angla lingvo oni parolas pri »oxforda akcento«, aŭ pri »cockney (malalklasa Londona) akcento«, kaj oni tiel tute ne aludas al la plilaŭtigo de iu al alia silabo, sed nur al la parolmaniero kiu distingas la devenon de la parolanto. Nu, dum multaj jaroj, enmigrantoj al Aŭstralio parolis laŭ siaj prapatraj parolmanieroj — ni havis skotojn, anglojn, cockney-anojn k. t. p. Tamen, la jaroj forpasis, enmigrantoj maljuniĝis kaj formortis, kaj nun la aŭstralianoj estas kvazaŭ unuigita popolo, kun unu eduksistemo. La rezulto estas ke la modernaj edukitaj aŭstralianoj ne havas distingeblan parolmanieron. Ili ne estas skotaj, ili ne estas Oxfordaj kaj ili tute ne estas Cockney-aj. Ili fakte parolas pli puran anglan lingvon (t. e. sen afektiteco) ol ie ajn en la mondo, kaj lastatempe kritikoj en Londono rimarkis ke la aŭstralianoj de la nova generacio parolas »preskaŭ sen akcento« — sed kompreneble, en la signifo ke ilia parolmaniero estas neafektita.

Kompreneble la angla lingvo havas akcentitajn silabojn sed tute sen unueca regulo, tiel ke aŭstralianoj, samkiel aliaj britoj, devas ellerni ĉiun vorton aparte rilate la ĝustan elparolon. Eble Sro. Kalocsay bonvolus klarigi sian aludon al la 'Aŭstralia samideano', ĉar ĉi tiu aludo, kvankam senintence, ŝajnas iom neĝentila kontraŭ antipodaj samideanoj.

Laŭ lasta eldono de »Encyclopedia Britannica« la elparolado de vokaloj povas esti dividita en kvar sekcio laŭ malfermiteco. Pro la naturo mem de vokalo, ĝi ne povas esti elparolita ferme, kaj tial ĉiuj vokaloj estas relative malfermitaj. Ni havas, tial, kvar gradojn de relativeco, kiel sekve:

I. Preskaŭ fermita, (anglalingve—close [elp. Klos] = signifo, apude) kun la lipoj kaj dentoj tenitaj tre proksime sed ne tute fermite.

II. Duonfermita, (anglalingve = half-closed [klozd]) kun la lipoj kaj dentoj pli nefermitaj ol en I.

III. Duon-malfermita (anglalingve-half-open), multe pli malferme ol I, sed iom ŝtopita per ekfermo de la dentoj antaŭ la fino de la elparolo.

IV. Malfermite (anglalingve-open), kun la lipoj kaj dentoj tenitaj tiel malproksime kiel la parolanto trovas natura kaj komforta. La vokalo estas tiam elparolita tute ne ŝtopita.

Laŭ mia sperto, IV. malfermita estas nepre la plej bona kaj natura por la esperantaj vokaloj a e i o u, precipe kiam ni trovas ke la malfermita metodo estas necesa, se la sonoj de aj ej oj kaj uj devas ricevi korektan reprodukton.

Por kompreni la veran signifon de la vorto »malfermita« oni ekzemple elparolu la vokalon 'a' kun la dentoj 1 ĝis 2 centimetroj malproksime. Oni atentu, ke la dentoj ne iel ajn ekfermiĝu ĝis la sono finiĝos. Nu, faru pluan provon — same elparolu 'a' kaj tuj ekfermu la dentojn por aldoni la literon 'j'. Tiel farante, vi perfekte eldiros la esperantan finaĵon 'aj' per korekta metodo, t. e. malfermita elparolo de la vokalo kaj preskaŭ fermita elparolo de la konsonanto 'j'. Same kun 'ej', 'oj', 'uj', kaj eĉ 'aŭ'.

En la praktiko, la instruisto forte respondas pri la unueco de esperanta elparolado. En sia propra lingvo la instruisto devas eltrovi sonojn kiuj similas la esperantajn vokalojn. La diversajn 'ruzetojn' per kiuj instruistoj klopodas imiti la esperantjn vokalojn en siaj propraj lingvoj, valoras studadon, kaj mi proponus ke la Akademio — Sekcio pri Elparolado — faru esploron de ĉiuj frazoj kiujn diverslandaj instruistoj uzas en siaj lernolibroj kaj buŝe. Ekzemple, la sekvanta frazo (kiel elparolita de mezedukitaj aŭstralianoj kaj, mi kredas, ankaŭ plej-

multo de angloj) reproduktas la esperantajn vokalojn (a, e, i, o, u, malfermite) :

Are there three or two cows with the boys by the grey ruin
a e i o u aŭ oj aj ej uj
Ar ther thri or thu kaŭz eŭth the bojz bajthe grej rujn

La lasta linio ne estas Anglik (simpligita? angla lingvo) sed esperantigo de la angla frazo laŭ elparolo, kiu eble ebligos al alilanda esperantisto korekte elparoli ĝin (se la 'th' lin ne venkos.)

*L. Thomson.*

Sinjoro Thomson malaprobas, ke mi diras la espajn vokalon duonfermitaj. Laŭ li, ili estas ĉiam tute malfermitaj.

Nu, ĉi tiu regulo de Thomson estas eble taŭga por anglalingvanoj, kiuj parolas kun *tro fermitaj* vokaloj, kiujn do oni devas instigi, ke en Esperanto ili uzu siajn vokalojn plej malfermitajn. Sed ekzemple la hungaroj havas tre malfermitaj e-sonon, kiun alinaciano aŭdas *i*. Kaj ili ankaŭ uzas en Esperanto tiun ĉi e-sonon, tiel ke oni konstante devas bridi ilian malfermemon. Aliparte, la hungaroj havas en sia lingvo tro fermitan a-sonon, kiu alinaciano aŭdas preskaŭ *o*. Por ili do en ambaŭ okazoj plej konvena estas la regulo : parolu *duonferme*. Kaj same konvenas ĉi tiu regulo por ĉiuj en kies lingvo ekzistas tro fermita, aŭ tro malfermita vokalo. Ĉar la *duonferma* prononco signifas nur, ke oni nek tro fermu, nek tro ma fermu, oni parolu meze, puran vokalon, kiel en la itala lingvo.

Cetere troa malfermo de la buŝo dum la elparolo de *ĉiuj* vokaloj, estus tiel granda peno por la buŝmuskoloj, ke tion oni ne povas daŭre plenumi.

Krome la akcento de mia artikolo ne estis sur la *fermo-maniero*, sed sur la *longeco* de la vokaloj.

Sdo Thomson krome indigniĝas pri mia rimarko rilate la aŭstralian samideanon. Pardonon, mi tute ne volis ofendi. Mia rimarko aludis nur tion, ke, laŭ mia sperto dum kongresoj, la aŭstralianoj uzis plej forte la anglan »muzikon«, t. e. la garnadon de la vokaloj per flanksonoj. Tio devenas certe el ilia izolateco. Ĉar je la fino de la kongreso ili ĉiam parolis pli pure, pli klare, pli *itale*.

*K. Kalocsay.*



# OBSERVO

## *VALÉRY LARBAUD*

Se oni volus difini Larbaud, oni devus trovi vorton sinoniman al modesteco kaj mildeco. La famo favoras la *romanverkiston*, sed tio ne motivas la prisilenton de l' *poeto*. Kiaj estas tiuj ĉi poemoj enhavataj en la volumo : »*Les poèsies de A. O. Barnabooth*« ?

Rigardo en la libron, kaj ni ricevas kapturnon : frapas nin la ritma rapido de Orient — aŭ Sud-Express, la senbrida flugo de moderna vaporŝipego sur la ŝtormanta maro, la multkoloraj bruoj de la fervojaj stacidomoj, la fosforeskantaj lumoj de l' eŭropaj ĉefurboj rigardataj el la larĝa fenestro de l' forglitanta restoraci-vagono. La gesto, per kiu Larbaud respondas al tiuj ĉi bruoj, lumoj, senĉesaj moviĝoj kaj vivoplenaj svarmoj, estas preskaŭ pieca danko, ĝojkria hosano al la Vivo. Tiu ĉi poeto scias aprezi la sekretan ĝojon de l' ĉiutago, kaŝatan en sunradio, en oranĝo, en gluto da pura, freŝa akvo. Dum lego niaj pulmoj plilarĝiĝas, en niaj brustoj turniĝas granda suno. La poetoj posedas la doloran privilegion de l' *scio*. Tiu ĉi suno de l' scio bruligas, sed faras ilin lumfontoj. Kaj la lumo de Larbaud estas nekompareble tenera, mirinde forta. Li portis al la moderna poezio potencan kaj rektan rigardon, necesan malkovron de nova atmosfero, kaj la ĝojon al la rapido.

Jen unu el tiuj ĉi poemoj de A. O. Barnabooth, tre karakteriza la poeton.

### *BILDOJ*

I.

*Iun tagon en Kharkow, en popola kvartal',*
*(Ho, tiu ĉi suda Rusujo, kie ĉiuj virinoj,*
*Kun siaj blankaj ŝaloj surkape, havas vizaĝon madonan !)*
*Mi vidis junan virinon revenantan de la fonto,*
*Kiu portis — laŭ la tiea modo — kiel en la tempoj de Ovido,*
*Du sitelojn pendantajn sur la finoj de vekto*
*Kaj ekvilibratajn sur la kolo kaj la ŝultroj.*
*Kaj mi vidis infanon en ĉifonoj proksimiĝi kaj paroli al ŝi.*
*Tiam ŝi afable klinis la korpon flanken,*
*Tiel, ke la sitelo plena de pura akvo tuŝis la teron*
*Ĝis la nivelo de la lipoj de l' infano, kiu genufleksis por trinki.*

II.

*Iun matenon, en Rotterdam, sur la kajo de Boompje,*
*(Estis la 18-an de septembro, 1900. ĉirkaŭ la oka),*
*Mi observis du junajn knabinojn irantajn al siaj laborejoj,*
*Kaj kontraŭ unu de l' grandaj ferpontoj ili adiaŭis sin,*
*Ĉar iliaj vojoj ne estis la samaj.*
*Ili karese ĉirkaŭbrakis sin, iliaj manoj tremantaj*
*Volis kaj ne volis disiĝi, iliaj lipoj dolore adiaŭis sin*
*Por tuj reproksimiĝi,*
*Dum iliaj okuloj fikse sin rigardis ...*
*Ili tiel tenis sin dum longa momento tute proksime unu al la alia,*
*Stare kaj senmove en la mezo de l' preterirantoj okupitaj,*
*Dum la trenŝipoj bruis sur la rivero,*
*Kaj la vagonaroj fajfante manovris sur la pontoj el fero.*

III.

*Inter Cordoba kaj Sevilla*
*Estas malgranda stacio, kie, sen videbla kaŭzo,*
*La Sud-Express ĉiam ekhaltas.*
*La vojaĝanto vane serĉas per la okuloj*
*Vilaĝon trans tiu ĉi malgranda stacidomo endormiĝinta sub la eŭkaliptoj:*
*Li vidas nur la kamparon andaluzan : verdan kaj orumitan.*
*Tamen, sur la alia flanko de l' vojo, kontraŭe,*
*Sin trovas kabano farita el nigriĝinta branĉar' kaj argil'.*
*Kaj je la bruo de l' trajno, ĉifona infantrupo svarmas el ĝi.*
*La fratino gvidas ilin kaj venas sur la vojo tute proksimen*
*Kaj, sen vorto, sed ridetante,*
*Ŝi dancas por ricevi soldojn.*
*Ŝiaj piedoj en la polvo ŝajnas nigraj,*
*Ŝia vizaĝo, obskura kaj malpura, estas sen beleco,*
*Ŝi dancas, kaj tra la larĝaj truoj de ŝia jupo cindrokolora*
*Oni vidas nude agiti malgrasajn femurojn,*
*Kaj ruliĝi ŝian etan ventron flavan ;*
*Kaj ĉiufoje, je tio, kelkaj sinjoroj rikanas*
*En la odoro de l'cigaroj, en la restoraci-vagono ...*

### *POST-SCRIPTUM*

*Ho Dio, ĉu neniam estos eble,*
*Ke mi konu tiun dolĉan virinon, tie, en Malgranda Rusujo,*
*Kaj tiujn du amikinojn en Rotterdam !*
*Kaj la junan almozulinon de Andaluzio*
*Kaj ke mi ligu min kun ili*
*Per neniam malkroĉebla amikeco ?*
*(Ve, ili ne legos tiujn ĉi poemojn,*
*Ili konos nek mian nomon, nek la tenerecon de mia koro,*

*Kaj tamen ili ekzistas, ili vivas nun.)*
*Ĉu neniam estos eble, ke al mi estu donita la granda ĝojo*
*Koni ilin?*
*Car, mi ne scias kial, ho Dio, al mi ŝajnas, ke kun tiuj ĉi kvar*
*Mi povus konkeri mondon!*

Ludoviko Totsche.

## G. K. CHESTERTON

El la ses verkistoj elstarantaj sur la angla literatura scenejo de la nuna jarcento, unu el la plej amuzaj, kiel ankaŭ unu el la plej diverstalentaj, estas Gilbert Keith Chesterton. Lia unua libro, *Grizbarbuloj Ludantaj*, aperis en la jaro 1900, kaj de tiam li liveris al la mondo pli ol sesdek verkoj: fantaziajoj, noveloj, detektivaj romanoj, eseoj, poemoj, teatraĵoj, literaturaj kritikoj, biografioj, aventuraj romanoj. Krome, li estis dum multaj jaroj agema jurnalisto por gravaj jurnaloj, faris desegnajojn por siaj libroj kaj por tiuj de amikoj, lasis sin impliki ĝi en sennombraj disputoj langaj kaj plumaj, kaj dum la lastaj kvin jaroj estis ĉefredaktoro de semajna gazeto, *G. K's Weekly* (Semajna Gazeto de G. K.) en kiu li propagandas siajn politikajn kaj sociajn ideojn.

Verŝajne li estas plej bone konata kiel eseisto, sed li ankaŭ estas fama kiel aŭtoro de komikaj fantaziajoj, kia *The Napoleon of Notting Hill* (La Napoleono de Notting Hill), kiel kreinto de la detektiva »Pastro Brown«, kiel defendanto de la Kristanismo en *Orthodoxy* (Ortodokseco) kiel tre perceptema literatura kritikisto en *Browning* kaj *The Victorian Age in Literature* (La Viktoria Epoko en Literaturo) kiel aŭtoro de teatrajo *Magic* (Magio) kaj kiel poeto. Lian nomon oni renkontas en plej strangaj lokoj; poemon lian oni trovos en la himnaro de la angla ŝtateklezio; lia traduko de la soneto de Du Bellay, »Heureux qui, comme Ulysse, a fait un beau vojage«, estas tiom proksima al la perfekteco, kiom povas esti traduko ia ajn.

Kion ajn li verkas, la rezulto estas plena de trankvila bonhumoro, kaj erudicio senafekta. Al la prozo de la angla lingvo li alportas genian paradoksemon kaj vortan ĵonglemon, amon por kolorplenaj vortoj, kaj plenkoran entuziasmon posedatan de neniu alia nunepoka verkisto. En tiu ĉi epoko de la mallarĝfona fakulo, li restas artisto ampleksanta kaj ŝanĝema, kun nur sia amiko Hilaire Belloc kiel kamarado. Shaw estas dramisto, Wells, Arnold Bennett kaj John Galsworthy estas romanistoj, sed Chesterton, kio estas li? Li estas ĉiafakulo, kaj rifuzas obstine lasi sin enfakiĝi en la literatura arto.

Rezulte de tio, suferis lia reputacio. Ĝuste lia multtalenteco, kiu en alia epoko, (ekzemple tiu de Defoe, verkinto de »Robinsono Kruso«) estus avantaĝo, hodiaŭ nur malhelpas. Krom tio, kompreneble, lia tuta vivfilozofio trafis severan malfavoran prikritikon pro la ĥaoso intelekta de la postmilita tempo. Kiam li venis en la publikan vivon, li estis ribelanto kontraŭ la kredaro de l' dekadenca skolo ligata kun Oskar Wilde kaj la skolo de la »Verda Dianto«. Hodiaŭ, kun ideoj nemulte ŝanĝitaj, li trovas sin nomata »konservativa reakciulo.« Ne li, sed la epoko mem, ŝanĝiĝis.

En lastatempa fragmento aŭtobiografia li skribis, »preskaŭ mia unua deziro verki, kaj certe mia unua deziro pensi, venis de ribelemo kontraŭ la esteta kaj dekadenca pesimismo de la Wilde skolo... mi komencis pripensi la aferon, kaj iĝis ĉiam pli certa ke ilia tuta ideologio estas senbaza, ke la arto ne povas ekzisti aparte de la vivo, plej certe ne povas ekzisti kontraŭante ĝin; — speciale la vivo de la animo; kaj ke neniam la vere grandioza arto estis tiel aparta de la konscienco kaj de la komuna saĝo.«

Hodiaŭ, liaj kredoj ne multe malsamas. Ne 'La Arto por la Arto' sed 'La Arto por Dio', jen lia devizo. En la religio — katoliko, en la politiko — distribuisto, (in, kiu idealigas la pasintan posedarangon agrikulturan, kiu malamas la uzinon kaj la hodiaŭan industriamon) ĉiama batalanto por la libereco de la individuo, li malamas egalentuziasme la kapitalismon kaj la socialismon. Lia katolikismo, en lando plejparte pagana, kaj lia laŭdo pri la kamparano-posedanto kaj la malgrandaj nacioj en lando usonigita per grandskala industrio, tiuj sintenoj ŝajnas absurdaj al multaj liaj »antaŭenemaj« samtempuloj; sed li havas trankvilan fidon ke la aferoj, al kiuj li kredas, estas eternaj, kaj ne forvelkos.

Pri nia afero, Esperanto, li parolis kaj skribis plurfoje; li malamas ĝin sincere, plenkore, entuziasme, kiel romantikulo kiu vidas en ĝi ankoraŭ alian platigilon sur la majestajn montpintojn de la homa animaro. Nur por kleruloj li dezirus internacian lingvon — la Latinan. Povos konverti lin eventuale nur niaj samcelanoj de Katalunujo, kiun li tiom amas, kie liaj verkoj estas tiom aprezataj!

El ĉiuj trajtoj de la verkado de G. K. Chesterton, elstaras la fakto, ke li estas homo naskita en malĝusta epoko. Aparte de homaj emocioj, kiuj ne ŝanĝiĝas, la aferoj admirataj de li apartenas al pli frua epoko, kiuj eventuale venos ankoraŭ, kiuj tamen mankas en nia hodiaŭa vivo. Tial li bonkore pikas la mondon pro ĝia neposedo de liaj plej amataj virtoj, kaj ĝia abundo de liaj plej malŝatataj pekoj. Unu citaĵo el lia verko pri Bernard Shaw klarigos la esencan enhavon de lia filozofio, kaj taŭge ilustros lian esprimmanieron.

»Kiom alta estis la nivelo, kiun la maro de homa feliĉeco atingis dum la Mezepoko, tion ni scias nun nur per la kolosaj muroj konstruitaj tiutempe por limigi ĝin. Kiom malalta estis la maro de homa feliĉeco en la nuna jarcento, tion niaj idoj scios nur per tiu strangaj modernaj libroj konsilantaj la homojn, ke ili estu gajaj, ke finfine la vivo ne estas tro malbona. La homa raso naskas optimistojn nur tiam, kiam ĝi jam ĉesis naski feliĉajn homojn. Estas strange, kiam oni devas aldevigi ferion kvazaŭ ĝi estus fasto, kaj peli homojn al festeno per lancoj.«

*K. R. C. Sturmer kaj J. J. Sullivan.*

BERTALAN GÖNDÖR, juna talentulo devenanta el esperantista familio. Propre art-industriisto, artprojektisto de granda Viena lustrofabriko. Liajn belartajn verkojn distingas grandlinieco, granda impresemo kaj forta kaj frapanta sociala vero.

*R. G.*

FERENC MEDGYESSY estas eminenta nuntempulo, kiu tra la arto de l' klasikuloj alvenis al la moderna esenco. Lin distingas surprize grandstila formfantazio, en kiu la ekvilibro de forto kaj maso mirinde harmonias kun la sincere esprimita direnhavo. Lia potenca masiveco rememorigas kelkfoje la arton de la antikvaj asiroj. Iu diris pri li, ke li propre ne skulptas, sed *konstruas* siajn statuojn, kiujn inde oni povas nomi *monumentoj*.

*S. B.*



# ~KINO~

Redaktas:
Jan Forge-Fethke

## FILMO KAJ LITERATURO

J. FORGE

Iam diris iu tre saĝe: »Se ĉiuj librejoj kaj bibliotekoj de la tuta mondo forbrulus, la filmo aŭ bankrotus — aŭ ĝi tiam komencus fariĝi arto!« En Hollywood same kiel en la Eŭropaj filmcentroj ĉiuj filmdramaturgoj febre serĉadas »temojn«. Eterne aŭdiĝas la malespera krio je la bona scenario. Oni diras ke ĝi mankas kaj ke ĝuste la manko de la originala manuskripto ĉefe malhelpas la memstaran, sendependan evoluon de tiu ĉi plej juna arto. Kaj la filmo, tiu stranga produktaĵo de multegaj teknikistoj kaj negocemaj entreprenistoj, hodiaŭ povus esti nomata la *kriaĉanta suĉinfano de la patrino literaturo*, de kiu ĝi avide suĉas la vivtenan ideo-lakton.

Ĉu vi povus indiki multkonatan libron aŭ teatraĵon, kiu ne estus filmigita? La filmuloj ekprenas la »Hamleton« kaj »Faŭston« same kiel ili ekprenas la verkojn de Wallace aŭ la »Taglibron de delogita knabino«, ili haltas nek antaŭ Sienkiewicz, Zola, Tolstoj, nek antaŭ Remarque, Dreiser aŭ la Nobel-premiito Sinclair Lewis, — ili filmigas la verkojn parte kun granda talento, parte kun fuŝa malzorgemo, se mankas la mono aŭ kapablo.

La vojo, kiun paŝas la rapidemaj filmfabrikantoj jam depost jaroj, tute ne estas malĝusta. Filmo kaj literaturo povas ja multe helpi unu la alian. Bone konata libro estas la plej bona reklamo por posta samtema filmo. Ĉu ne estas evidente, ke la filmo siaflanke popularigas ofte la literaturon grandstile? Ke ĝi ofte klerigas kaj edukas la krudan amason de la kino-maniuloj? Estas ja konata fakto, ke oni ofte konstatis post tia filmo grandan plivigliĝon en la aĉetado de la koncerna libro. El tiu ĉi vidpunkto la filmo multe servas al la literaturo.

Kaj tamen, se la filmo volas fariĝi io memstara kaj arta, ĝi devas kiel eble plej baldaŭ ĉesigi tiun egan dependecon, en kiu ĝi troviĝas rilate la literaturon. Tio estas ja la tragiko de la filmo, ke ĝi plej ofte ne estas la verko de artisto-individuo, sed verkaĵo de diverspensa kaparo, ke ĝi estas kondamnita prezenti sin samforme kaj samtempe al filmfrenezaj knabinoj aŭ stultaj ĉambristinoj kaj al universitataj profesoroj aŭ literatursentaj kleruloj, ke ĝi plej ofte faras kompromisojn ne nur por plaĉi al ĉiu sed ankaŭ por esti komprenata internacie!

Nur malmultaj filmoj estas konsiderindaj artaĵoj kaj montras tendencon al sendependa memstareco. Jen, eble Chaplin estas unu el la malmultaj artistoj-individuoj, kiuj mem verkas, scenigas kaj ludas siajn filmojn. Ĝis nun li — majstro de la muta arto — ne povis decidiĝi »ekparoli« de la ekrano kaj ankaŭ lia lasta kreaĵo »City lights« malhavas la parolojn kaj esence estas muta filmo.

La nova revolucio, kiun kaŭzis la ĝenerala adaptado de la sono kaj parolo en la filmo, starigis la filmistojn antaŭ tute novajn taskojn kaj problemojn. La nuna sonanta kaj parolanta formo pelas la filmon ankoraŭ en plian dependecon de la teatraĵo, precipe opereto. La meĥaniko preskaŭ tute superregas la kreantan spiriton, kiu fariĝis sklavo de la tekniko — dum la kontraŭo devus okazi! La filmoj similas pli ol iam al fotografita teatro. La filmdramaturgio pli ol iam estas serĉanta leĝojn kaj formojn de la filmarto. La produktantoj ne havas tempon kaj emon por krei avantgardaĵojn. La kinoj krie postulas novajn filmojn. La lingvaj malfacilaĵoj endanĝerigas la artan evoluon de la filmo pli ol antaŭe, ili kaŭzis la rapideman kaj fuŝan fabrikadon de la diverslingvaj »versioj«. La aĉaj filmoj, kiujn serie kaj diverslingve turnas Paramount en Joinville ĉe Parizo, estas famaj pro sia malboneco.

Estas tute sendube ke la filmo nuntempe travivas artan krizon kaj ke la nova evoluo de la filmarto ne dependos de la teknika progreso — sed la kapableco kaj talento de la filmverkistoj kaj iliaj manuskriptoj destinos la formon de la estonta bona filmo.

## FILMOBSERVO

### RENÉ CLAIR: LE MILLION

Post sia sukcesa filmo »Sous les toits de Paris« René Clair donacis novan atentindan verkon kaj dokumentas per ĝi sian eksterordinaran talenton. Ankaŭ ĉi-foje li komencas sian filmon per la Parizaj tegmentoj, kiuj tiel plaĉis al la mondo, kaj paŝas sur la stratojn de Parizo, por palpe kapti la vivon per delikataj fingroj de sprita preskaŭ ironiema bildkreanto.

En la filmo »Le Million« René Clair malatentas, eĉ malrespektas la agadan linion, grava por li estas sole la apuda detalo, tio, kio kvazaŭ paŝas aŭ pendas apud kaj inter la efektiva okazado. Kiel pasia observanto li kredas la psikologian detalon efektivo, la agadon mem bagatelo. Ĉar ĉu ne simpla ŝajnas la historio de la malriĉa pentristo, kiun liaj kreditoroj emus koler-dispecigi kaj kiu gajnas en la loterio unu milionon sed malfeliĉe perdis sian loton por retrovi ĝin post multaj aventuroj. Tiu ĉi filmhistorio estas pli simpla ol la plej simpla *vaudeville*, sed ĝiaj komplikaĵoj, la situacioj ekvivas per la sprito kaj ironio, per kiu René Clair rigardas la vivon tute nature. Apenaŭ ekzistas en Eŭropo reĝisoro kaj aŭtoro en unu persono, — nur Chaplin estas tia —, kiu simile kiel René Clair venkus la multforman, danĝeran materion tiel elegante per la spriteco de sia spirito.

La observa kapablo de René Clair elektas bonegajn tipojn por ĉiuj roloj, eĉ por la plej apudaj. Nur homo kun speciala delikata sento pri la bild-komikeco, homo de kulturo kaj bongusto povis malkovri tian figuron, kia estas la ĉefa aktoro René Lefebre. Ĉe René Clair ne estas troveblaj belaj viroj kaj belaj virinoj, la tiel nomataj »steloj«, ĉiuj impresoj de la filmo fluas el la bildformo kaj -movo mem, tiel ke la filmo povus vivi eĉ sen la tono aŭ parolo, kiu lasta nur malofte aperas en dialoga formo. Kaj oni devas konfesi — ĉu oni volas aŭ ne — tiu ĉi filmo de René Clair estas artaĵo!

*Étienne.*

### EN OKCIDENTO NENIO NOVA

Kompreneble, ke libro disvendita je pli ol du milionoj da ekzempleroj en plej diversaj lingvoj (ankaŭ en Esperanto) tra la tuta mondo, devas trovi negocemajn filminterpretistojn. La spita maljuna »onklo Carl« (Lämmle) estis tiu bonŝanca feliĉulo, kiu filmigis tiun junultragedion de la mondmilito.

Kaj kio realiĝis?

Interesa impresa bildolibro. Orelfenda kaj okulfrapa scenaro. Plenumanta la taskon de la Remarque-libro: *elmontri la detruon de unu generacio!* Kiom ajn multaj

malperfektaĵoj kaj eraretoj estas troveblaj en tiu ĉi filmo, tamen ĝi estas neforgesebla travivaĵo. Nur malofte oni povas diri tion pri iu ajn filmo.

Germanaj kaj francaj reĝisoroj faris jam antaŭe aŭ samtempe aliajn atentindajn militfilmojn, kiuj parte eĉ superas la Remarquefilmon. Eble, eĉ certe pro tio, ke ilin oni kreis en Eŭropo kun eŭropaj aktoroj kaj reĝisoroj. »En okcidento nenio nova« estas farita en malproksima Hollywood de amerika reĝisoro Lewis Milestone. Ja estas konata fakto, ke la amerikanoj estas pli teknikistoj ol psikologoj. Milestone estas sendube tre talenta, majstra kreanto de la batalscenoj — sed por projekcii sur la ekranon la delikatan vibradon de la animo de la poeto, la tutan psikan agordaron de la verko, la historian malfalsecon kaj tipecon de la tiama tempo-vizaĝo (precipe en la germana hejmo!) — jes, por tio oni bezonus la *germanan* psikologo-reĝisoron, vivintan meze en tiu medio. Li kune kun sia amerika kolego kapablus krei la veran spegulan bildon de la libro . . . !

Tamen, tamen pli ol unufoje ekblovas la spirito de Remarque! Kiam la amasa atako komenciĝas, soldatoj kriegas kaj sturmas, kiam kanonoj tondras, maŝinpafiloj falĉas are la atakantojn — batalo en fosajoj, mangrenadoj, bajoneta masakrado, viro kontraŭ viro — la frenezа bestħomeco per la terureco de la bildo kaj sono preskaŭ eksplode disŝiras la ekranon! Nervojn-ŝiranta, indignegon-ekvipanta akuzo kontraŭ la milito . . . !

La manuskripto sekvas fidele la agadan linion de la libro. Ne mankas epizodoj kiel la bana idilio kun la tri francinoj kaj la ruze per alkoholo trompita Tjaden, la scenoj sur la bombardata tombejo, la neforgeseblaj scenoj kun la malica Himmelstoss k. a.

Inter la aktoroj, plejparte iom palaj kaj figuraj (krom Slim Summerville kiel Tjaden), nur unu genia aktoro: Louis Wolheim en la rolo de Kaĉinski! Majstre, humore kaj kortuŝe li ludas. Per li ekbrilas la nobla sento de sinofera kamaradeco, kiu regis inter la samsortanoj-soldatoj. Domaĝe ke tiu Wolheim ne vivas plu. Eterne vivos en nia memoro lia Kaĉinski-figuro.

Tiu ĉi filma dokumento »En okcidento nenio nova«, malpermesita, fuŝformita, disflikita de la diversaj cenzuroj, estas malgraŭ ĉio unu el la mejloŝtonoj en la historia vojo de la filmarto, eta esperigo kaj lumpunkto en nia malfeliĉa nigra mond' eterne militanta!

Rigardu, rigardu tiun ĉi filmon! Aŭdu, aŭdu la korŝiran voĉon de la poeto Remarque!

*J. F.*



*Irie Takako*

ESPERANTO PERAS INTER FILMO KAJ LITERATURO.

Tre interesa sciigo atingas nin el Japanujo. Tie oni turnas filmon sub la titolo »Rigardu tiun patrinon!« laŭ la romano de pola verkistino Eliza Orzeszko »Marta«. Tiu ĉi romano estis majstre tradukita de Zamenhof kaj dank' al Esperanto konatiĝis tra la tuta mondo. En Japanujo ĝi trovis specialajn ŝatantojn, kiuj tradukis ĝin laŭ la Esperanta eldono en japanan lingvon.

Ankaŭ en Japanujo sidas kapablaj filmfabrikistoj, kiuj ekkonis la literaturajn kvalitojn de tiu ĉi nobla verko de pola verkistino kaj nun faras filmon laŭ ĝi. Ĉu ne estas interese, kian rolon ludis ĉe tio Esperanto?

La filmo estos tute japana kaj ludas en ĝi senescepte japanaj filmsteloj. La ĉefan rolon kreos la stelo de la japana ekrano f-ino Irie Takako, kiun ni bilde prezentas al niaj gelegantoj. Ni esperu ke iam ni povos admiri en Eŭropo tiun ĉi interesan filmon!

*ĈU VI JAM AŬDIS*

— ke la nova filmo de Fritz Lang aperos sen titolo kaj montros nur certan insignon, kiu ludas rolon en la filmo?

— ke la sukceso de la Esperanto-filmo pri Danujo en Praha kaŭzis, ke registaraj rondoj ĉeĥoslovakaj grave okupiĝas pri la ideo krei propagandan filmon pri Ĉeĥoslovakujo, se eble muzikfilmon kun Esperantaj klarigoj?

— ke »Miss Esperanto 1929« ricevis siatempe en Budapest telegrafan inviton el Berlino de s-ro Pommer, plej potenca Eŭropa filmdirektoro? Kaj ke oni proponis novan elekton de Miss Esperanto dum nia Universala en Krakovo?

# RECENZO



BAHA' U' LLAH KAJ LA NOVA EPOKO. De dro *J. E. Esslemont*. El la angla originalo tradukis *Lidja Zamenhof*. — Weinheim 1930 (Germanujo). Bahaa Esperanto-Eldonejo »La Nova Tago«. 191 paĝoj. Prezo:

Presita ĉe Heroldo de Esperanto, Köln.

»Vi ĉiuj estas fruktoj de unu arbo, folioj de unu branĉo, floroj de unu ĝardeno.« Jen pra-Vero en novaj vortoj al modernaj homoj.

Antaŭ dekok jaroj mi ĉeestis paroladon de imponaspekta persa maljunulo, kies granda blanka barbo ĝis nun vive restis en mia memoro. Krome, mi memoras, ke la paroladon grandnombre ĉeestis la konataj membroj de diversaj, ne tre alte taksataj societoj, batalantaj por idealoj: pacifista, feminista, esperantista ktp. La parolanto unuigis en si ĉiujn ĉi idealojn kaj ĉiuj vidis aperi sian propran apostolon en la blankbarbulo, *Abdul Baha*.

Nu, poste tamen ĉiuj iris sian propran vojon. Sed multloke en la mondo intertempe trovis fervorajn adeptojn la instruoj de *Bab*, *Baha' u' llah*, kaj *Abdul Baha*. Inter ili troviĝas ankaŭ *Lidja Zamenhof*, fervora filino de dro Esperanto, kaj ŝi donacis al ni la tradukon de la supra verko. La instruoj kaj ideoj de la tri novtempaj profetoj estas belegaj kaj sekvindaj, ilia historio, kaj la

historio de ĉi tiu religia movado estas tre interese rakontita, kaj krome la tradukstilo estas ne nur majstridina, sed vere majstra.

Nek lokon, nek kompetenton ni havas diskuti ĉi tie pri la deklaroj pri Baha' u'llah, ke »li estas la delonge atendata edukanto de ĉiuj popoloj«, kaj pri tiaj rimarkoj, ke li estis »Reĝo de Reĝoj« kaj »Tian aferon oni ne vidis sendube depost la kreo de la mondo.« Bedaŭrinde mankas sufiĉa loko ankaŭ konigi almenaŭ la ĉefajn instruojn, kiuj estas sekvindaj por ĉiu homarano kaj donas praktikajn konsilojn por idealisme aranĝi la nunan politikan, ekonomian, ĉiutagan vivon, proponas inter aliaj, kiel estas de multaj konate, ankaŭ Esperanton. Ni estas tamen, laŭ mia melankolia kredo, tre malproksime de la realiĝo kaj apenaŭ mi kuraĝas kredi la profetaĵon de Abdul Baha : »Tiu ĉi jarcento estos la jarcento de fondo de la Regno de Dio sur la tero.«

La libro prezentas al ni klare kaj ĉiam tre interese kaj verve la doktrinojn de la Bahaismo, kies intenco ŝajnas ne nur unuigi ĉiujn religiojn, sed ankaŭ krei novan kaj fari plenan harmonion inter kredo kaj scio, religio kaj scienco. Similan vojon iras la nunaj diversaj novspiritaj movadoj (Oomoto, teosofio, ktp.) kiuj gvidas kiel la Bahaismo, al la transmorta vivo, por tuŝi en la parapsikologio la sferon de la moderna scienco. La Bahaismo, kiu volas malfermi novan spiritan epokon al la baraktanta homaro, en sia morala esenco apenaŭ diferencas de profunde transentata kristanismo. »Esti bahaano signifas simple ami la mondon, ami la homaron kaj peni servi al ĝi.« Ĉu ne estas mia devo, via devo, ĉies nobla celo vivi tian vivon.

Ĉerpu instigojn, bonajn pensojn, helpemajn ideojn, klaran rigardon el tiu ĉi libro, vi ja devas ankaŭ konscii, ke »por fondi la Regnon de Dio en la mondo, oni devas fondi ĝin antaŭe en la homaj koroj !«

*P. B.*

## LA ESTONTA EDUKO.

I. A FERRIERE »Estonta eduko.« (Eld. Universala Esp. Asocio, Genève, 72 p.

II. A. DEGEN »Esperanto lernolibro por popollernejoj. I-a parto. (Eld. Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig, Esp. fako, 67 p.)

Sur la subo de la horizonto jam aŭroron signas la radioj de nova mondo. Novaj teknikaĵoj transformas la homan vivon. Ĉiutage nova kaj surpriza novaĵo atentigas nin, ke ni estas atestantoj ĉe la naskiĝo de nova mondo. Inter la novaĵoj, en la nova medio la plej konservativa estas mem la homo, kiu ne scipovas kredi, ke hodiaŭ la Hieraŭ, eble eĉ la Hodiaŭ estas anakronismo. La morgaŭa homo, la infano, ne povas inde, laŭ la ritmo de la nova epoko, kreski, ĉar ni mem, la hodiaŭanoj estas restemaj, nekomprenemaj. La nuna edukejo, la lernejo similas al la malbone fasonita ŝuo, pro kiu ni lamas, pro kiu ni estas kriplaj. Kial ? Aŭskultu la ververajn frazojn de la eminenta profesoro, A. Ferrière : »Infano amas naturon : oni enŝlosis lin en fermitaj ĉambroj. Infano ŝatas ludi : oni devigis lin labori. Li ŝatas vidi, ke lia agado servas al io : oni faris tiel, ke lia agado havu nenian celon. Li ŝatas moviĝi : oni devigis lin resti senmova. Li ŝatas manipuli objektojn : oni metis lin en kontakton kun ideoj. Li ŝatas uzi siajn manojn : oni agigis nur lian cerbon. Li ŝatas paroli : oni devigis lin silenti... Li deziras esplori sciencon : oni prezentis ĝin tute preta... Li deziras servi libere : oni instruis al li obei pasive.« En tiuj ĉi frapantaj frazoj enestas la tutaj malĝusto kaj eraro de la nuna eduko. Kaj ĉiu devas kompreni, ke la nova homo jam proksimiĝas al nia pordo, li venos, ĉar li devas alveni. — Ĉu ni pritraktu, kiuj kulpas pri tio, ke la himnon, (preskaŭ mi diris »esperanton«) de la novaj postuloj ni ne komprenas ? En la verko de prof. Ferrière sprita ĉapitro pruvas, ke gepatroj, inspektoroj, ŝtato, instruistoj — ĉiuj estas kulpaj pri la malsukcesoj de la nuna lernejo, sed pleje la **gepatroj ! — Ĉe tiu ĉi punkto mi deziras kompletigi la** teorion de prof. Ferrière. La gepatroj, per alia vorto, la socio, ne nur pro la lerneja malsukceso respondas, sed ĝi respondas al la idaro kaj al si mem pro ĉiu malfeliĉo, kiu nin ĉirkaŭas. — La pedagogo de la nova epoko havas duoblan taskon : eduki la kontraŭemajn gepatrojn, ekirigi la restemulojn kaj flegi, evoluigi la freŝajn, sanajn idojn. (Mi pensas, ke mi ne povas preterpasi la temon, sen la mencio de la granda internacia unuiĝo, la »Gepatra Ligo«, kiu celkonscie okupas sin pri la eduko de la gepatroj.)

La hodiaŭa lernejo ne atentas la postulojn de la psikologio ; tiu ĉi fakto estas tre klare pruvita en la libro. La evoluo de la homa korpo havas regulojn. Tiujn regulojn oni konas, kaj estas direble, ke ĝenerale oni respektas ilin. La evoluo de la infananimo same havas regulojn, periodojn, sed la nuna lernejo tute ne priatentas la periodojn de la evoluo, la nuna lernejo miksas kaj malllerte miksas la studaĵojn kaj malŝparas la belan, freŝan, floran energion de la junularo, kiu grize, palanime enpaŝas poste la vivon. En la nuna lernejo la dogmo estas pli grava, ol mem la subjekto. Oni aplikas, kurbigas, tordas la infanon, ĝis li povas lokiĝi en la ĉerko de la hodiaŭa studmetodo.

Sed kia estu la estonta lernejo ? Du vortoj : tute mala ! Kaj detale ? En la traktato de prof. Ferrière estas detale pritraktita la modelo de la nova, puraera lernejo, kie *mem* la infano serĉas la vojon de sia evoluo laŭ la preskaŭ nesentebla, prudenta direktado de la instruisto. La katedro, la seka, abstrakta materialo, la instruista superaŭtoritato ne estos jam plu la ĉefaj bezonaĵoj en la instruado, sed anstataŭ ili la plej zorgema priatento de la infanoj. — La lernado fariĝos iom post iom ĝuebla, saĝa ludo de la junaj mensoj kaj manoj. Nur unu ekzemplon mi mencias el la bonega, altvalora traktato, kiel imagas la aŭtoro la geografian studon de 10—12 jara infano : »Vojaĝo vivplena, farita kun iu heroo, pli bone konatigas landon kaj ĝiajn apartenaĵojn, ol mil bone ordigitaj traktaĵoj...« ktp. — Espereble, multaj samvaloraj verkoj aperos el la sama speco, en Esperantujo, kie la humo estas saturita de la modernaj, liberaj ideoj. Mem Esperanto estas la ĉefekzemplo.

Esperanto jam »ab ovo« proponas sin al la moderna pedagogio kaj Andreo Cseh eĉ tion pruvis per brilaj faktoj, ke la homo restas ĉiam infano kaj la pedagogo povas kaj devas ĉiam malkaŝi la ludeman, gajan infanon el la majestmiena plenaĝulo. La Esperanto estas optimisma ideo, la metodo de Andreo Cseh estas same optimisma kaj ĉi tiu interna parenceco havas la plej grandan rolon en la sukcesoj de la Cseh-metodo.

Nun ni rigardu la alian libron : Degen »Esperanto lernolibro«. La libro, la formo, la eksteraĵo laŭdas la eldoniston. Kiam ni ekvidis la libron, ni devis pensi : jen libro, kiu estas verkita laŭ la principoj, legitaj en la traktato de prof. Ferrière kaj jen la Cseh-metodo — por infanoj. Kaj leginte la libron kontente ni konstatas, ke la aŭtoro vere sentas kaj konas la postulojn de la moderna pedagogio. La libro komenciĝas per vizito en la banano-budo, kie la afabla fraŭlino Kramer vendas bananon, citronon, terpomon ktp. Nur malmultaj legaĵoj memorigas al ni, ke oni lernas el la libro en fermitaj ĉambroj. Freŝa aero, bona humoro, kantoj kaj ludoj. Tiu ĉi belege ilustrita libro estas tre valora kaj supozeble tre populara en Germanujo. — En aliaj lingvoteritorioj ĝi estas bone uzebla, sed la intruisto devas kompletigi ĝin, ĉar kio estas tuj komprenebla al la germana infano, tio ne estas memkomprenebla al alinacianoj. Nur solan mankon ni trovis : la infano plejparte preta ricevas la materialon, kvankam li »deziras esplori sciencon.« Sufiksoj, prefiksoj, prepozicioj abunde troviĝas jam sur la unuaj paĝoj kaj mi opinias, ke la aŭtoro estus devinta malpli multon fidi pri la instruistoj. Sed la mankoj estas facile korekteblaj kaj la libro estas forta fundamento de perfekta lernolibro por infanoj. Fine ni kompletigas la raporton per tio, ke la metodo estas — komprenebla — rekta kaj la verko estas bone uzebla ĉie, eĉ kiel infanlegolibro.

*F. Szilágyi.*

PAUL BENNEMANN: INTERNACIA KANTARO. Kolekto de 139 popolaj kantoj el 55 landoj, 7 esperantaj kantoj, rondkantoj, kantsalutoj kaj 3 famaj koncertarioj.

*Tekstaro* (16a—20a milo). 1929. 101 paĝoj. Broŝurita : RM 1.50.

*Muzika eldono* (4a—6a milo). 1930. 154 paĝoj. Broŝurita : RM. 4.50.

Eldono de Ferdinand Hirt kaj Sohn en Leipzig. Esperanto Fako.

Jam la dua eldono aperis el la fama Internacia Kantaro de Paŭl Bennemann, kun pli ol duobla amplekso. Kompletigita estas la kantaro nun per novaj nacioj kaj popoloj, parte malgrandaj aŭ primitivaj, parte per tiuj, kiuj ne estis ĝis nun prezentitaj al la esperantista popolo. Bulgaraj, ĉeha, estonaj, flandra, hebrea, hebridaj, ĥina indiana, japanaj, java, jidaj, katalunaj, kimraj, kostarika, kuba, latvaj, litovaj, macedona, maoria, moraviaj, negra, serba, slovenaj, transilvaniaj, turkaj kaj ukrajna kantoj kompletigas la novan eldonon, sume 78 novaj kantoj. Ankoraŭ mankas popoloj, sed ĉiu nova eldono estos pli kaj pli kompleta ol la antaŭa kaj jam nun la Internacia Kantaro estas vera trezorejo de la diversnaciaj kantoj kaj en tiu ĉi rilato la plej abunda internacia kantaro. La kantoj estas la plej fidelaj resonoj de la ĝojo kaj doloro amuzo kaj sufero de ĉiu popolo kaj la Internacia Kantaro donas vere valoran materialon por esperantaj koncertoj, ekskursoj, ktp.

La kantoj estas tre belaj kaj bone kanteblaj, la akompanaj tekstoj estas precizaj kaj zorge tradukitaj. Estas multaj kantoj por ĥoroj kaj por 2—6 vocoj. Paul Bennemann faris grandan servon por nia movado kolektante kaj tradukante ĉi tiujn kantojn. Ambaŭ libroj : tiel la muziknotoj kiel la tekstaro estas tre belaspektaj, kiel ĉiuj eldonaĵoj de la fama firmo Ferdinand Hirt & Sohn. *Parvus Piscis.*

ESPERANTO LITERATURE. Notes and Impressions. by K. R. C. Sturmer. 48 pagoj. Eldono de »The Esperanto Publishing Co., LTD. London. 1930.

Jen, tre interesa kaj konciza, angle skribita verketo pri nia esperanta literaturo. En la antaŭparolo la aŭtoro skribas, ke multaj plendis jam pri la manko de simila verko anglalingva. Tiun ĉi interesigon volas kontentigi la verko kaj sukcese. Kelkajn originalajn kaj kelkajn tradukitajn studiojn kaj kritikojn enhavas la verketo pri nia literaturo kaj unu artikolon pri niaj poetoj de L. N. Newell. Krome kronologian kalendarion pri la ĉefaj datoj de nia originala literaturo kaj laŭnacian grupigon de la tradukita literaturo.

Estus bone aperigi similajn verkojn ankaŭ en aliaj lingvoj, similajn propagand- kaj studverkojn pri nia ĉiam plifortiĝanta literaturo, ĉar ili certe altirus al nia movado multajn literaturamantajn homojn, eĉ literaturistojn mem.

Bonega ideo estis eldoni ĉi tiun verkon !

*Parvus Piscis.*

BES-a ADRESARO de Esperantistoj el ĉiuj landoj 9-a eldono 1931. Eldono de BES/Bohema Esperanto-Servo, Potŝtejn, Ĉ. S. R. prezo 1 sv. fr. — 100 p.

Bona kaj utila kompletigilo de la UEA jarlibro. Kun 1256 adresoj el ĉiuj mondpartoj donas tujan eblecon al vastega korespondado kaj per tio servas la praktikan utiligon de Esperanto. Bona ideo publikigi etajn fotojn pri la sinanoncantoj. Ni deziras, ke ĝi povu aperi pli ofte kaj ampleksege kaj — enhavu nur adresojn de tiuj kiuj certe respondas ! *P. B.*

## REDAKCIA ANGULO

*Nepublikotaj manuskriptoj.*

H. Ideala servistino ; S. Laborkunulo mortis ; Fragmentoj de vivosaĝo kaj Fragmentoj de pesimismo ; Belega dimanĉmateno en februaro ; Mia unua flugo per aeroplano ; La blua papilio (noveloj).

J. G. Ne demandu ; Fr. H. La poemo de la nova epoko, Al Zamenhof ; F. H. Liberigo. Altruismo. Rigardon levu al ĉiel'. E. V. Dolĉa kampviolet' ; Eich. Malsaĝa ago. Sorto ; Lenau : Vintra nokto.

Pluraj manuskriptoj ankoraŭ estas dubaj, ilia publikigo dependas de tio, ĉu ni ricevos *pli bonajn* ol ili.

Nepre estos publikita : Akuraters : Kiel savis sin studento Grivenieks. Sed pro la longeco de la novelo ni petas pri iom da pacienco. Nepre estos ĝia vico ankoraŭ en ĉi tiu jaro.

La aŭtorinon de la »Angla Fraŭlino« ni petas pri urĝa respondo je niaj rimarkoj.

G. Avril : Via »Priliteratura Vidpunkto« estos presita en la sekva numero. Koran gratulon !

*Neologaj vortoj troveblaj en la numero :*

Aŭdaca : kuraĝega, sinriskema — obscena : sekse malpura
drato : metalfadeno — dura : malmola
descendi : malsupreniĝi — povra . kompatinda
lasciva : voluptema — fajna : delikata
tenera : karesema

Ni rimarkas, ke *por ĉiu neologa vorto respondas sole ĝia uzanto.* Ni ne pretendas al ni la rajton ekstermi tian vorton, dorlotatan infanon, el teksto. Eĉ la radikon *darf* ni lasas en la teksto, se oni deziras. Do ĉi rilate ni estas liberalaj kaj demokrataj. Por la legantoj ni tamen volas doni kompreneblan tekston, kaj por tio ni klarigas ĉi tie la vortojn neologajn.

Nia nuna numero estas 32-paĝa, sed ne ĉar la nombro de la abonantoj jam estus sufiĉa por tio : ni deziris nur fari kvazaŭ apetiton je tia amplekso kaj per tio instigi niajn abonantojn, ke ili en sia propra intereso varbu kaj propagandu por ebligi nian konstantan 32-paĝecon. Rememoru do nian cirkuleron pri varbkonkurso. Por ke, atinginte la 32-paĝecon, ni povu ekmarŝi plu al la 40-paĝa gazeto.

Ni ricevis diversajn malaprobojn pri la tromoderneco de nia titolpaĝo. Ni ne volas komenci tie ĉi teorian disputadon pri la rajteco de kubismaj kaj ekspresionismaj klopodoj, sed estas sendube, ke en la afiŝa kaj dekorativa arto ĉi tiuj klopodoj estas ĝenerale rekonataj. Al la gekontraŭuloj ni volas ankoraŭ diri, ke, se ili ne indignas en la dekorativa arto kontraŭ stilizitaj floroj, ĉu ili ne povus toleri ankaŭ stilizitan virin-kapon ?

## ANONCETOJ



---

*Nia sekva numero estos duobla (7—8) kaj minimume 40-paĝa. Ĝia prezo : 2 pengoj. Okaze de la Krakova kongreso, ĝi estos grandparte dediĉita al la pola literaturo kaj arto.*

---

*Por la kliŝoj pri la bildoj de Medgyessy ni dankas al la arta revuo **Uj Szin, Budapest.***

*Kovildesegno kaj inicialoj de pentrartisto **Blau***

DUM KVAR MONATOJ PRESKAŬ FINVENDIĜIS LA UNUA ELDONO DE LA GRANDA ROMANO DE




Formato 20×13.5 cm. 416 paĝoj. Prezo: tolbind. P. 11.20; duontolb. 9.30; broŝ. 8.20

Aldonu 10% por sendkostoj.

Mendu tuj ĉe »LITERATURA MONDO« Budapest, ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe ĉiuj seriozaj esperantistaj librejoj.

## !! APERIS !!

**De neniu pacience atenditaj**

**5.000.000 de grenkamp**

**kaj estas riceveblaj po nur**

**fr. sv. 3.—**

**en la honestaj farmaciejoj de via urbo. Se tia ne ekzistas, mendu rekte de la eldonejoj „Esperantista Voĉo" Jaslo (Pollando) kaj Literatura Mondo Budapest**

UNUAKVALITAN
BELAN
MALMULTEKOSTAN

laboron liveras al vi la

**PRESEJO DE LITERATURA MONDO**

NE FORGESU:

en Hungarujo la salajroj estas malaltaj! Do certe inter la preskostoj estas granda diferenco! Tial demandu nin pri preskostoj kiam vi volas mendi ion.

**PRESEJO DE LITERATURA MONDO**
HUNGARUJO, BUDAPEST

## UTILA ESTAS ALIĜO

AL UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO PRO LA MULTAJ AVANTAĜOJ KAJ SERVOJ KIUJN ĜI HAVIGAS AL SIAJ MEMBROJ POR TRE MALALTA KOTIZO

DEMANDU INFORMOJN PERE DE LA LOKAJ DELIGITOJ, ĈEFDELEGITO AŬ REKTE DE LA CENTRA OFICEJO DE

**U. E. A.**

**1, TOUR DE L'ILE, GENÈVE SVISLANDO**

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István.